# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* **№ 5 (72) oktobro 2012**



**Harry Harrison kun moskvaj esperantistoj en majo 1998**



**Moskvo, 2012**

# enhavo





RA-7 apud Bajkal


# REGo

(Rusia Esperanto-Gazeto)

№ 5 (72) oktobro 2012

aperadas ekde 2000

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio

*retadreso:* gazeto@mail.ru

**abontarifoj por 2012:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 500 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

**elektronika abono** – *200 rub. (5 eŭroj)*

# TILE-7

***Tagoj de la Internacia Lingvo Esperanto en Soĉi***

REU kaj la E-klubo de Soĉi invitas vin al informa kaj movada aranĝo TILE-7.

Datoj: 02-09.11.2012 (vendredo-ĵaŭdo).

Ĉu vi volas daŭrigi E-someron? Bonvenon al Soĉi! Suda aŭtuno estas milda, la maro – ankoraŭ varma, la urbo estas daŭre plena de allogaĵoj, kaj la prezoj estas jam tre moderaj. La aranĝo konsistos el du ĉefaj flankoj:

– ekstera informado – ni provos atentigi pri E-o la publikon kaj amaskomunikilojn;

– movada agado – okazos kunvenoj pri regiona E-agado, aktivulaj kunvenoj, rondaj tabloj kaj seminario pri ekspresa E-instruado. Enkadre de la aranĝo okazos prezento de novaj Esperantaj libroj, renkontiĝo kun partoprenintoj de UK en Vjetnamio, vizito al Arbo de Amikeco, orgena koncerto, prelego pri pieda turismo en la ĉemara regiono de Kaŭkazio, vizito al la lokoj, kie en 2014 okazos Vintraj Olimpikaj Ludoj, supreniro al la monto Aibga (2238 metrojn alta apud limo kun Abĥazio), maraj ekskursoj, sunbruniĝo sur la plaĝo (la temperaturo de la mara akvo kaj de aero egalas: + 18 celsiaj gradoj). Ne forgesu bankostumojn!

Antaŭ la partoprenontoj koncertos muzika grupo de la soĉia E-klubo. Ĉiu partoprenanto povos prezenti siajn programerojn. La plej aktivaj estos premiataj.

Paralele kun la aranĝo okazos rapidkursoj por soĉianoj kaj gastoj de la urbo. Estas planate organizi ekspozicion en la Kulturdomo pri "Praktika utiligado de E-to". Viaj ekspoziciaĵoj bonvenas: fotoj, suveniroj, gazetartikoloj ks pri kontaktoj kun alinacianoj, ĝemelurbaj rilatoj, partopreno en Internaciaj aranĝoj ktp.

Ĉiuj gastoj estas petataj informi la organizantojn pri la dato, tempo kaj transporto de la veno. Ni renkontos vin!

Venantoj unue registriĝu kaj ricevu enloĝigan karton en la Kulturdomo: str. Gorjkogo 85, RDK (Rajonnij Dom Kulturi) – duetaĝa domo, kiu situas tuj post la busa stacio, kontraŭ policejo. La 02-an de novembro tie de la 8.00 deĵoros esperantisto. La loĝloko (hotelo "Cirko", str. Deputatskaja, 9) atingeblas per busoj kaj mikrobusoj (№ № 1, 22, 23, 83, 95 kaj aliaj) direkte al Stadiono ĝis la haltejo "Svetlana".

La loĝkostoj: 1) 5-6-lita ĉambro – 250 rub. por unu persono dum unu nokto (oportunaĵoj en koridoro); 2) 3-4-lita ĉambro kun lavabo – 350 rub. por unu loko dum unu nokto; 3) en 2-lita ĉambro kun TV – 400 rub. por unu loko; 4) en 2-lita kun oportunaĵoj – 1200 rub. por la tuta ĉambro; 5) duonlukso 2-lita – 2400 rub. por la tuta ĉambro; 6) lukso unulita – 1200 rub.

La maro tre proksimas. Nutrado – en apuda manĝejo memstare. Dezirantoj povos plilongigi sian restadon ĝis printempo.

*Kontaktoj*. Rete: <bespalov_sochi@mail.ru>; telefone: Vladimir Bespalov –+7-862-2621347 (hejma), +7-918-0053368 (portebla); Natalja Olejnikova – +7-862-26273-08 (hejma), +7-988-2811846 (portebla); Tatjana Davidova – +7-862-2925004 (hejma), +7-918-2034609 (portebla). Poŝta adreso: Esperanto-klubo "Laro", 354000 Soĉi, abonkesto 913. Adreso de la Kulturdomo: str. Gorjkogo 85 (apud la stacidomo kaj la busa stacio).



# VENU AL “APERO-7” POR FESTI MASI-NASKIGTAGON!

Karaj Esperanto-samideanoj! Kore ni invitas vin kunfesti la 18-an datrevenon de la Moskva Junulara Esperanto-klubo EK MASI!

La evento okazos enkadre de la jam stabile tradiciiĝinta kluba renkontigo “Apero-7”. Ĉi-foje ĝi pasos dum la februaraj festoj, la 22-24.02.2013, en la apudmoskva bien-ripozejo “Jerŝovo”. Kvankam la aranĝo estas unike malkrokodila, ni kurage invitas ankaŭ komencantojn kaj progresantojn, kiuj emas evoluigi sian E-paroladon kaj sekvi la Lingvan Disciplinon. Pli detale pri la invitatoj kaj kutimaĵoj eblas legi en la MASI-paĝaro <http://ek-masi.weebly.com> aŭ en la VKontakte-grupo “APERO” <http://vk.com/apero_ek_masi>.

La programo ĉi-foje estos dediĉita ĉefe al la glora kluba historio – sur la vasta fono de la enlanda kaj tutmonda E-movado, ĝi konsistos el art-metiejoj kaj koncertoj, kiujn eblas trakti kiel donacojn aŭ gratulojn. Zorgu pri anticipa preparo, kaj de nia flanko ni zorgos pri surprizoj por vi!

Ni ĉiuj loĝos en la por multaj jam konata aparta dometo № 5, kun granda salono, kie pasos la komunaj endomaj aranĝoj. Ĉar la dometo situas en pitoreska naturo kaj la ripozejo disponigas diversajn distraĵojn, ni multe amuziĝos ankaŭ eksterdome. La plentempa partopreno kostas 3200 rublojn, kio inkluzivas loĝadon en 2-3-lokaj ĉambroj kun 2 tranoktoj, 3-fojan abundegan kaj varian manĝadon dumtage, aliĝ- kaj programkotizojn. Eblas veni tagon pli frue – necesas nur averti nin anticipe. Tiam al la prezo aldoniĝos 1500 rubloj. Se estos pli ol 10 tiaj personoj, masianoj volonte organizos programon ankaŭ por tiu kroma tago.

Gravas konscii, ke en nia dometo estas 33 litoj. Pasint-Apere la sorto favoris al ni akcepti en ĝi 44 partoprenintojn sen maloportunigi loĝkondiĉojn por iu ajn. Sed kredi je bonŝanco ĉiufoje ne endas. Do, por garantiite ricevi la kuŝlokon, bonvolu tuj mendi ĝin kaj prefere jam pagi al mi dekonon de la monsumo – 320 rublojn.

La aranĝo, kiel ĉiam, estos strikte E-parola, do, ni ne toleros iun ajn krokodiladon en la dometo. Tamen, por ebligi partoprenon de familianoj, ni pretas lui apudan dometon por esperantistoj, venontaj kun infanoj aŭ geedzoj, neparolantaj Esperanton. La familianoj povos bonege ripozi, dum esperantistoj de la familio partoprenos la E-programon. Ĉiuj kontribuoj al la programo estos arde akceptitaj! Speciale tiuj, kiujn “Aperoj” ankoraŭ ne spertis! Por aliĝi simple anoncu vin al mi – kaj ni kun ĉiu persone traktos detalojn.

Bonvenon!

*Irina Goncarova, la klubgvidanto, <mirinda.strigo@gmail.com>*

## MIA VOJAĜO TRA BAJKAL KAJ PARTOPRENO EN RA-7

Jen mi revenis en Tjumenon, pasis iom pli ol du semajnoj post nia reveno. Mi denove kaj denove rememoras Bajkalon: ĝi estas grandega, glaciiga, rava. Pura kaj travidebla akvo, ŝtonriĉa bordo, montoj kaj rokoj ĉirkaŭ ĝi, kaj kreskantaj sur la montoj grandegaj pinoj, larikoj, diverskoloraj floroj kaj herboj... Spektante belegajn fotaĵojn, mi pense kvazaŭ denove vizitas tiujn lokojn.

Kaj jen kiel ĉio komenciĝis: per trajno Minsk–Ulan-Ude ni atingis la urbon Irkutsk. Konatiĝo kun la urbo komenciĝis per la ekskurso en akompano de ĉiĉeronino. Ni vizitis preĝejojn, monaĥejon, poste ni promenis laŭ bordo de Angara, kun kiu estas ligitaj multaj legendoj. Sur la kajo altiĝas majesta monumento por la caro Aleksandro la 3-a, kiu estas fondinto de Transsiberia fervojo. Irkutsk allogis min per sia arkitekturo, historiaj konstruaĵoj, monumentoj de ligna konstruarto.

La sekvan tagon nin atendis admirinda ekskurso tra Ĉirkaŭbajkala fervojo. Kaj jen ĝi estas, tiu mirindaĵo de naturo – la lago Bajkal! Ĉi tie, tra fenestro de ekskursa trajno, mi unuafoje ekvidis Bajkalon! Nun mi komprenis, kial lokanoj nomas ĝin Maro. Dum ni veturas, ekskursgvidantino rakontas interesegan historion de grandega konstruado de Ĉirkaŭbajkala fervojo. En multnombraj haltejoj ni povas bone pririgardi ĉiujn komplikajn inĝenierajn konstruaĵojn: tunelojn, ŝtonajn galeriojn, pontojn, murapogilojn, kiuj ŝirmas la fervojon kontraŭ ŝtondefaloj. Grandiozaj konstruaĵoj ravis min, kaj tragediaj sortoj de konstruistoj min konsternis.

La tago traflugis nerimarkeble. Vespere per ŝipo ni atingis nian tendaron en vilaĝo Bolŝie Koti, surborde de Bajkal, inter montoj. Sekvan tagon ni vizitis lokan muzeon, kie oni montris al ni diversajn bestojn, fiŝojn, birdojn, insektojn, kiuj loĝas en la lago aŭ sur ĝiaj bordoj. Krome oni rakontis al ni pri historio de esplorado de Bajkal. Tuj post la vizito de la muzeo ni ĉiuj kune promenis laŭ la bordo de la lago, laŭvoje kolektante ŝtonojn por poste kolorigi ilin. Je ĉiu paŝo nin renkontis belegaj pejzaĝoj, mia fotilo funkciis senĉese!

La sekva tago preparis por ni novajn impresojn. Ni ne havis eĉ unu liberan minuton! La tutan tagon, dividitan laŭ horoj, plenigis diversaj aranĝoj. Je la 8-a –



ellitiĝo, matena gimnastiko; je la 9-a – bongusta matenmanĝo, kuirita sur lignofajro. Poste – Esperanto-lecionoj, metiejoj, amuzaj dancoj, sportaj konkursoj, koncertaj vesperoj, komuna kantado. Estis eĉ Tago de Amo, dum kiu ĉiu tendarano ekhavis kaŝamant(in)on kaj ricevis de li/ŝi agrablajn donacetojn. Ĉiutage nepre okazis io nova kaj interesa!



En iu belega tago ni foriris por la tuttaga marŝo al roko Skriper, kiu situas je 8 kilometroj for de nia vilaĝo. En akompano de sperta gvidanto, unu post la alia ni longe iras supren laŭ mallarĝa vojeto... Kaj jen – nia celo! Hura! Sur pinto de la roko ni admiras pri senlimaj spacoj de Bajkal. Kaj poste, kiam ni malsupreniris al la bordo, aperis nekontraŭstarebla deziro sin bani en la akvo de Bajkal. Sed ne tiom simpla estas tiu afero! Ne tuj mi sukcesis enakviĝi, nur dum la dua provo!

Gajaj kaj eventoplenaj tagoj en la tendaro traflugis nerimarkeble. Jen ni devas forveturi. Sed nia vojaĝo ankoraŭ ne finiĝis. Ni vizitis la belegan Limnologian muzeon en Listvjanka. Tie, en granda akvujo loĝas du bajkalaj fokoj, kaj ni ĉiuj kun plezuro observis ilin. Fokoj estas tiom ĉarmaj, ludemaj, vivoĝojaj bestetoj, ke maleblas ne ekŝati ilin! Ege plaĉis al mi muzeo de ligna konstruarto “Talci”, kiun ni vizitis tuj post Listvjanka. Ĝi havas grandan teritorion (areo 67 hektaroj), en kiu estas kolektitaj multaj konstruaĵoj de popoloj de Orienta Siberio. Bedaŭrinde ni ne sukcesis trairi la tutan teritorion de la muzeo pro manko de tempo, sed tutegale ni povis senti tie spiriton de historio. En fino de nia vojaĝo okazis interesega ekskurso tra fama ŝipo-glacirompilo “Angara”. Ni vizitis eĉ ties maŝinejon! Kaj poste okazis belega koncerto de la muzikgrupo “Aŭtuna Vento” gvide de Kostik Ĥlizov.

Sed restis ja tio, kion ni ankoraŭ ne sukcesis ekvidi! Eblas senfine admiri pri Bajkal kaj denove kaj denove malkovri por si novajn misterojn de bajkalaj belaĵoj. Bajkal altiras min al si! Mi esperas reveni tien!



***Elvira Insapova (Tjumenj), helpis traduki Marina Stepaĉova***

# PREFIKSE UZATAJ E-VORTOJ

**parto 2** [1]

**DE**

La informadiko kaj ties socia produkto "interreto", la unua fenomeno komunikadi en la historio de la homaro, kiu sukicesas sin **debranĉi** de la politika povo kaj kontrolo, sed ankaŭ ligas la naciojn, vivantajn en diasporo.
*Walter Zelazny, or., Pollando – Francio, Literatura Foiro, 172 (apr. 1998), p. 64*

Tiaj homoj ĉiam vivis en "nenies-lando", inter nacioj, ili **deĉiam** estas la "internacia popolo".
*Eugene de Zilah, originale, Hungario – Francio, La Gazeto, 15 (mar. 1988), p. 5*

... iuj salutis al ĉi tiu infano **demamiĝanta** de siaj familianoj samkiel pacamaj prasoldatoj forlasis Atenon aŭ Romon por alfronti iajn danĝerojn.
*Carmel Mallia, el la malta, Literatura Foiro, 183 (feb. 2000), p. 38*

... li klarigas al ni, la leganto, aplikon de esperanto por akiri la **dedistanciĝon** de la literatura teksto...
*Spomenka Ŝtimec, or., Kroatio, La Gazeto, 81 (mar. 1999), p. 8*

Mi provis traduki esperantajn originalojn al la itala, kaj submeti la tekstojn al lerta aŭskultanto (ne nur atenta leganto), kiu ne estis informita pri la **delingvo**...
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 229 (okt. 2007), p. 229*

La 18-an de julio mi povis ĉeesti la gazetarkonferencon, kiun prof. Lapenna, d-roj Perko kaj Kovacic majstre **deliveris**.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 12 (okt. 1987), p. 3*

Kiomfoje mi devis armiĝi per joba pacienco ĉe iliaj eternaj litanioj da plendoj bagatelaj, da ŝablonaj asertoj, da ekskluzive monaj **depostuloj**!
*Literatura Foiro, 137 (jun. 1992), p. 129*

En ĝi troviĝos observejo alta je 39 metroj kaj je 55 metroj, sur kiu vizitantoj povos **derigardi** la tutan ekspoziciejon.
*or., Koreio, La Espero el Koreio, 1993, 1, p. 11*

Mi forlasis la ĉambron, **desupris** la ŝtuparon kaj kalkansidis ĉe la poŝto en la koridoro.
*Fonto, 262 (okt. 2002), p. 14*

– La mangarbo estas mia floso. Mi iras renkonte al paĉjo! Grimpu ankaŭ...
Lucia ne grimpas sur la floson: ŝi timas. Kaj ŝi respondas:
– **Desupru** de tie, ĉjo stulta.
*Geraldo Mattos, or., Brazilo, Fonto, 258 (jun. 2002), p. 4*

Kaj okazis ke la studentoj de la institucio Kran gajnis jarfine ĉiujn premiojn pri altraduko, pri **detraduko**, pri latina prelego.
*Literatura Foiro, 147, p. 13*

Nokte malfrue mi **detualetis**,

[1] La unua parto aperis en REGo № 3-4 (70-71), 2012.

ebrie florkalikojn balancetis.
*Shi Chengtai, el la ĉina, La Kancerkliniko, 63 (jul. – sept. 1992), p. 17*

La naturo ne plu tiel verdis, kiel dum la someraj tagoj. Estis veninta la **deverda** sezono, dum kiu la naturo ŝanĝas sian koloron de la verdaj tonoj al la flavaj...
*Pentti Törmälä, or., Finnlando, El Popola Ĉinio, 1997, 1, p. 11-12*

## DUM

– Sinjoro Tabris! – tio ne estis vera demando, ili **dumvorte** rekonis lin.
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero Berkeley, 2002, p. 59*

## DA

En mia lingvo kuŝas la sekreto. Mina... mi amas vin. Ne, oni tradukas false. Mi **amas da vi**. Estas partitivo, ne akuzativo. Mi povas vidi vin tutan, dum vi venas renkonten.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 137 (jan. 1992), p. 142*

"Dankon, sinjoro," kaj la knabeto rekompencis la butikiston per amika **rideto da ŝato**.
*Bertram Potts, or., Nov-Zelando, La Nova Butikisto de Nukugaia, Stafeto, 1978, p. 176*

Dum ni diligente esploras ankoraŭ **da subvenciebloj**, ni momente ĉefe per donacoj transpontas la malfacilan komencan stadion.
*Jorg De Mulder, or., tejo tutmonde, 1996, 1, p. 9*

Kompatindaj, ili estas plej humila plebo... Tamen mi **vidas** en ili **da animo**. Multegon mi legas en ilia modesto.
*Paulo Sergio Viana, el la portugala, Fonto, 256 (apr. 2002), p. 24*

## EĈ

Tagmeze ili nek leviĝis nek kuŝiĝis nek manĝis nek io ajn alia signifaĵo okazis, tiel ke ja por la Merkodolanoj la tagmezo estis malpli grava ol la mateno kaj la vespero, **eĉe** tute ne havis sencon.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroata Prozo, Zagreb, 1979, p. 47*

## EKSTER

Li ŝaltis muzikon de la plej simpla principo. Almenaŭ iomete forgesita. **Eksterĉiutaga**. Ankoraŭ kelkminuta.
*Nula Horo, or., Literatura Foiro, 194 (dec. 2001), p. 279*

Kaj jen la problemo por ni: la retiriĝo de esperantistoj en iu lingva ŝajnmondo, kvazaŭ neŭtrale **eksterbiosfera**...
*W.Gunther, or., Germanio, La Gazeto, 19 (dec. 1988), p. 6*

La irado finiĝis ĉe la ludejo, kie jam atendis la alia teamo. Rumondanoj ludis kontraŭ **eksterrumondanoj**. La unuaj elpafis tri golojn, dum la aliaj – du.
*KomACE, or., Afriko, Heroldo de Esperanto, 12, 2006, p. 2*

Por ne tro akuzi Herodoton ni rigardu la nuntempajn historiistojn. Iliaj **ekstervidaj** "leĝoj del evoluo" ne diferencas kardinale de "favoro (aŭ kolero) de dioj".
*Alen Kris, Rusio, La Ondo de Esperanto, 2007, 12, p. 17*

**Elen**, vi aĉaj porkoj! **Elen** de ĉi tie, elen! [el vagonoj]
*K.Schulze, el la germana, B.Apitz, Nuda inter lupoj, GDR, 1974, p. 11*

... eĉ hodiaŭ ni ne kapablas kompreni la kvaran dimension, kiun **elargumentis** Einstein.
*Adolf Staňura, el la ĉeĥa, Josef Nesvadba, La perdita vizaĝo, Prago, ĈSSR, 1974, p. 96*

La mezorienta metropolo **elaspektas** paca, en stranga mikso de tradicio kaj moderno.
*Christian Riviére, or., Francio, Fonto, 273 (sep. 2003), p. 13*

La laboristaro jam perdas parton de siaj atingitaj rajtoj, tiel pene **elbatalitan** dum la historio.
*Dieter Rooke, or., Svislando germanlingva, Heroldo de Esperanto, 14, 2006, p. 2*

... kiam li komencas **elbobeni** sentencojn kaj konsilojn...
*Fernando de Diego, el la hispana, La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha, eld. Fundacion de Esperanto, Hispanio, 1977, p. 514*

Kiom aĝa li estas? Li mem tion apenaŭ scias: eble tridek, tricent... aŭ pli? Li igus la cerbon **elbobeni** rememorojn: la pensoj reiras, dum li rigardas la misteran pejzaĝon...
*Ŝtefo Urban, or., Literatura Foiro, 125 (jul. 1990), p. 25*

Tiun aliron al profunda mensa esploro portas stilo eksterordinare simpla, **elbranĉigita** de ĉia trodiro, senbalastigita de ĉia nenecesa trodiro; kiam Simenon relegis novan verkon, li senĉese abunde fortranĉis ĉiun neutilan grasaĵon.
*Johan' Luko Tortel, or., La Gazeto, 119 (jun. 2005), p. 26*

Tute najbara al la konstruata **elbrika** domo staris tiu de Nonu.
*Gersi Alfredo Bays, or., Brazilo, La Profeto de Pedras, Fonto, 2001*

Tie kaj ĉi tie el la verda fono **el-elbrilis** la freŝaj blanka-ruĝa-blua-flava koloroj sur la ĵus farbitaj bariloj, terasoj kaj... boatoj.
*Imre Szabó, el la hungara, Hungara Vivo, 1987, 1, p. 11*

En la silento de la nokto paca,
kiam la homoj dolĉadorme kuŝas,
la vean triston mian mi **elbuŝas**
al Clori kaj al la ĉielo graca.
*Fernando de Diego, el la hispana, La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha, eld. Fundacion de Esperanto, Hispanio, 1977, p. 259*

La Komunikadcentro intervjuis eŭropan deputiton Michael Gahler pri la lingva temo en EU. Jen **elĉerpo** el la intervjuo sen komento rilate al Esperanto.
*Dafydd ap Fergus, or., La Ondo de Esperanto, 2004, 5, p. 13*

... kelkaj senfortaj individuoj sen baza apogo, decidos pri la **elĉeso**, en esperantio, de Internaciaj Esperanto-konferencoj.
*La Gazeto, 14 (jan. 1988), p. 6*

Kiel aliaj liaj verkoj, ankaŭ en tiu ĉi libro mankas rimarkinda rakonteco sed la legantoj estas absorbataj de la majstra plumo, kiu el la fenomenoj **elĉize** abstraktas belan fantazian mondon.

*Budapeŝta informilo, 1982. okt., p. 15*

Kiam mi fermas miajn orelojn **elde** la tumulto de la medio...
*el la araba, Georgo Abraham, Ĝ.Ĥalil Ĝibran, La rompitaj flugiloj, Kult. koop. de e-istoj, Rio de Ĵanejro, Brazilo, p. 20*

– Ĉi tio estas rabekskurso, – tute senbezone **eldentis** unu el la banditoj. ... – Ek, donu la malŝlosilon – ordonis li.
– Kian malŝlosilon? – demandis Sidni, embarasite retiriĝante.
– Ne saĝumu, **–** eldiris la magrulo. – La malŝlosilon de la juvelkaso.
*Jozo, or., Monato, 1981, 2, p. 18*

Venu pliproksimen, etulinjo, severe **eldentis** li.
*arbitra frazo de Anatolo Gonĉarov, 1980-aj jaroj*

Tiel membroj ankaŭ povas konkuri, fieri pri si kaj ĝui la lingvon internacian. Tio helpos, mi esperas, digesti eblajn **elesperigojn** pri rezultatoj de merkatigo de esperanto kadre de malfacilaj diskutkunvenoj.
*Johan Derks, or., La Gazeto, 120 (okt. 2005), p. 29*

Kial virkokoj grimpas al la plej alta loko kaj kokerikas kun la **eletendita** kolo al la ĉielo?
*La Espero el Koreio, 1992, 2 (107), p. 16*

Sur la malaperonta verdejo devis estiĝi domo pli malpli ĝemela al la posteulo de l' kadukaĵo, kun **korbelfenestroj** anstataŭ balkonetoj.
*trad., István Ertl kaj Fabienne Berthelo, Literatura Foiro, 140 (dec. 1992), p. 289*

Ĝian rekonstruadon ordonis Herodo, en la jaro 21; la starigo de ĝiaj portikoj postulis ok jarojn, kaj la planoj de tiu grandioza verko... estis **elfinitaj** nur nelonge antaŭ la momento de ĝia plena disruiniĝo.
*L.C.Porto Karreiro Neto, el la portugala, Emanuelo, Antaŭ du mil jaroj, Federaçåo Espirita Braziliera, Brasil, 1993, p. 60*

Sed ŝi ne sukcesis **elfini** la disvolvadon de siaj skrupulaj timoj, ĉar Klaúdia, nobla animo...
*L.C.Porto Karreiro Neto, el la portugala, Emanuelo, Antaŭ du mil jaroj, Federaçåo Espirita Braziliera, Brasil, 1993, p. 64*

Li volas nun apogi vin ĝis estos **elfinita** l' afero inter vi kaj Hrofnkel...
*Baldur Ragnarsson, el la islanda, Islandaj pravoĉoj, Eldona Societo Esperanto, Malmö, Svedujo, 1964, p. 40*

Ĉu lingvo Esperanto mem povus havi ian nature **elfontantan** karakteron aŭ kulturon nur propra al ĝi mem, malsama de aliaj naciaj lingvoj? Jes. Sed kiel? Nur per stako de niaj praktikaj klopodoj.
*Nisio Tutomo, or., Japanio, Riveroj, 1993, 1, p. 28*

... Declerck, male, **elfremdiĝas**, apertas al la mondo, volas kunparoli. En lia prozo, la piĉidaj dialekteroj...
*Jorge Camacho, or., Hispanio, Esperanto, 10, 2006, p. 214*

Publio kaj Livia, konsternite atendis baldaŭan **elfiniĝon** de ŝia vivo.

*L.C.Porto Karreiro Neto, el la portugala, Emanuelo, Antaŭ du mil jaroj, Federa-çåo Espirita Braziliera, Brasil, 1993, p. 83*

Li studis la “Surrealistische Publikationen” plej **elfunde** kaj ricevis el ili abundon da instigoj.
*Ruediger Engerth, or., Norda Prismo, 1968, 1, p. 50*

Ni devus starigi monumenton al ĵemajta militisto, kiu per sia glavo kaj sango **el-gardis** la Litovian Pordegon al Balta Maro...
*el la litova, Litova Stelo, 1992, 1, p. 1*

Li enpenetris sian rustan Lancia kaj forbruis lasante ondojn da haladza **elgaso**.
*Corrado Tavanti – István Ertl, or., Italio – Hungario, Tiu Toskana septembro, HEA, Budapest, 1990, p. 28*

Al ties teksto: Ĝi estas sena de neologismoj kaj polurita ĝis mem perfekteco kaj maksimume konciza. **Elgustumu** etan regalon...
*Eli Urbanová, or., Ĉeĥio, Fonto, 243 (3, 2001), p. 34*

Kaj tiu **elinfana** impreso tiel radikiĝis en li, ke li neniam distingis inter la kristan-ismo kaj la kristanoj.
*H.A.Rosbach, Norvegio, Norda Prismo, 1968, 1, p. 16*

Suzanna kantis kanzonon nove komponitan de William Auld. Bedaŭrinde ĝi suferis de kelkfoje neklara **elkanto**.
*Geoffrey Sutton kaj Stefan MacGill, or.. Anglio – Hungario, Esperanto, 1985, 1, p. 5*

Sur liaj vangoj striis sangeroj, kaj la okuloj preskaŭ **elkaviĝis**.
*Miyamoto Masao, or., Japanio, Naskitaj sur la ruino Okinava, Japanio, 1976, p. 55*

Lutero ja bone **elkomprenis** tion, kiam li decidis flankenlasi l’ uzadon de la latina...
*Jean-Louis Paccond, or., Francio, La Gazeto, 40 (apr. 1992), p. 4*

– Komprenebla afero! Veturu, kara kolego...! – **elkoris** Pratt tre ĝentile. Mark dankis...
*István Nemere, or., Hungario, La fermita urbo, HEA, Budapest, 1982, p. 20*

La ŝtatprezidanto de Brazilo, ne pli klera ol siaj regatoj, kvazaŭ el subita **elkoŝ-mara** vekiĝo tamen deklaris: Brazilo fariĝis viktimo de grava percepta disonanco...
*Gilbert Ledon, or., Brazilo, Monato, 2002, 10, p. 11*

Ni lernas multon pri la moroj kaj vivkondiĉoj de la tiamaj britonoj. Kaj ni **elkov-ras**, ke la kelta civilizacio ne estas tiel primitiva, kiel multaj homoj kredas, sekve de duonmiljara propagando favora al la romianoj.
*André Cherpillod, or., Literatura Foiro, 184 (apr. 2000), p. 78*

Ĉu vi diras, ke absurda estas la principo de demokratio, decido laŭ plimulto? Kaj li aldonis **elkraĉe**, “Faŝisto!”.
*Konisi Gaku, el la japana, Postmilita Japana Antologio, Osaka, 1988, p. 148*

Tiun nokton Juehui dormis nur tri aŭ kvar horojn. Antaŭ la tagiĝo li vekiĝis. Ku-ŝante en la lito, li pensis pri tio kaj alio ĝis **elkrepuskiĝo**.
*Wei Yida, Li Shijun, el la ĉina, Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 563*

Min plaĉas, – li diris. – Plaĉas, kiel la fig-arboj **elkrevas** el la roko. Plaĉas kiel la

semoj krevas el la figoj.
*R.Rossetti, el la angla, Norda Prismo, 1957, 3, p. 129*

Foiral konkludis, ke li estas ia *krevanta* frenezulo, nura bunto kaj bruo troanta kiel la suno mem. Lia ruĝa karno **elkrevis** el liaj etaj koloraj vestospecoj: ruĝaj brakoj, ruĝaj genuoj, ruĝa kolo kaj granda, ronda, ruĝa vizaĝo, krevanta de gajo, vortoj, ridado.
*R.Rossetti, el la angla, Norda Prismo, 1957, 3, p. 129*

... la partopreno en unika kultura diaspora fenomeno, kiun **elkristaligis** la plej grandaj verkistoj en la esperanto-literaturo, perante tra la lingvo senton de komuna destino, kaj eĉ identeco, kun multaj homoj dise tra la mondo.
*Deklaracio pri la Esenco de la Afrika Esperantismo, Literatura Foiro, 221, (jun. 2006), p. 117*

La hemoglobino en la ruĝaj ĉeloj havas reakcian kemian konsiston. Tiu igas ĝin **elkristaliĝi** en medio de malalta koncentriĝo de oksigeno.
*Oladipo Emmanuel Olusegun, or., Niĝerio, Kontakto, 1999, 4, p. 7*

En 1963 la E-grupo funkciigis E-kurson kaj **elkulturis** nombron da aktivuloj.
*Sun Aijun, or., Ĉinio, El Popola Ĉinio, 1996, 1, p. 14*

Viglado **ellacigis** min,
Kiel akvon muelej';
Ke lasos min la amatin'
Jen mia timo-ve'.
*L.N.M.Newell, el la angla [angla poemo anonima, ĉ. 1300], Norda Prismo, 1965, 4-6, p. 162*

Li kuŝis sub nekonata granda arbo kun kelkaj **ellacigitaj** kamaradoj.
*Shosaku Isobe, or., Japanio, Norda Prismo, 1967, 2, p. 104*

Oni tro volonte sekvas faŝismajn "savantojn" kiuj senlace kaj senĉese promesadas la samon: savi la malriĉulojn per "forta sana nacio kaj **ellandigo** de ĉiuj nesam-nacianoj".
*Manfred Führer, or., Sennaciulo, 1999, 6, p. 67*

Brakuminte la genuojn, mi sidis en la legomĝardeno kaj obstine rigardis la lunon ĝis **larmoj-el**. Subite aŭdas mi: iu nemalproksime ploras...
*A.Gonĉarov, el la rusa, La Gazeto 54 (okt. 1994), p. 21*

Nu finfine mi **ellegis** "Kastelo de Prelongo-on"
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 83, (jun. 1999), p. 3*

Carlo Minnaja ne nur konsultis, sed **ellegis** ĉiujn ĉi librojn por sia *Granda vortaro* itala-Esperanta.
*Antonio Valén, or., Hispanio, Esperanto, 1995, 12, p. 209*

Li ekturnis rapide por saluti, mispaŝis kaj pum! eksidis ne tre elegante sur la teron. **Elleviĝis** tuj, kiel greka ĥorkanto, de ĉiuj ceestantaj geamikoj, la krio: "Adamson falis!"
*Marjorie Boulton, or., Anglio, Norda Prismo, 1967, 3-4, p. 138*

La deksesan tagon ŝi adiaŭdiris al la ŝtelistinoj kaj ŝtelistoj... kaj direkstis sin al la kancelario.

– Ne alvenis ankoraŭ via **elliberiga** mandato, virino! – diris al ŝi la oficisto. – Atendu ankoraŭ...
*Eugénia Morariu, el la rumana, Norda Prismo, 1972, 3, p. 171*

Mia ĉefa okupiĝo estas la zorgado pri *Hungara Vivo*, kiu – kiel mi ĝoje vidas – **elluktis** por si tute aŭtoritatan pozicion inter Esperantaj revuoj.
*Kalocsay, or., Hungario, Esperanto, 1998, 5, p. 86*

Estis pri tio multa disparolo, kiom estis malkreskinta lia aroganteco, kaj multaj nun **elmemoris** malnovan proverbon, ke falon antaŭas fiero.
*Baldur Ragnarson, el la islanda, Islandaj pravoĉoj, Eldona Societo Esperanto, Malmö, Svedujo, 1964, p. 44*

... la ĉeĥo ade pensas, kontemplas, observadas, **elmensigas** ideojn malrapide... kaj kontraste la aŭstraliano elrakontas verajn historiojn anstataŭ mense rondiradi la poton.
*Antonio Valén, or., La Gazeto, 93 (mar. 2001), p. 21*

Mi ne volas min **elmete** laŭdi.
*arbitra frazo de Anatolo Gonĉarov*

La regataro deziras, ke la regadenhavo, de la nova prezidento estu multe alia ol tiu, de pasinta prezidento **elmilitista**.
*La Espero el Koreio, 1993, 1 (112), p. 4*

Eĉ se estus tiel, kiel vi diras, tio estas se la verbo "samas" nur signifus "estas sama", tio nur kreus du malsamajn esprimojn por **elnoti** (signifi) la saman semantikan kampon.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 85 (dec. 1999), p. 5*

Aŭ ŝia pasio persekuti erarojn ĝenis ŝin rimarki, ke mia kelkjara konversacio kun d-ro Ludoviko K. Zaleski-Zamenhof permesis **elombrigi** faktojn, kiuj verŝajne perdiĝus por ĉiam.
*Roman Dobrzyński, or., Pollando, Literatura Foiro, 224 (dec. 2006), p. 319*

Ŝi sentas sin lacega kaj do kuŝiĝas por dormi sur la **elpajla** mato kiun ŝi estas sterninta rekte sur la sojlo.
*Chamberline Nguefack Zedong, or., Togolando, Femina, 2007, 9, p. 21*

Tie malgrasa hundo kun **elpenda** lango venis renkonte al ili tra la krepusko, sed la notariedzino frapis trifoje per sia vergo...
*William Auld, el la angla, J.B.Cabell, Jurgen, La Ondo de Esperanto, 2001, 5, p. 11*

Ĉe mia eklabora alveno, mi ekvidis la ĉefredaktiston kun dorso klina sur trigamba seĝo kaj kun piedoj sur pinoligna tablo. Alia **elpina** tablo kaj alia vundita seĝo staris en...
*Jean-Luc Tortel, el la angla, Mark Twain, Ĵurnalismo en Tenesio, La Ondo de Esperanto, 6, 2006, p. 13*

Bona Espero estas Esperanta bieno en la mezo de la vasta lando, kaj ĝi okupiĝas pri malriĉaj infanoj. Do, jen mi **elpiku** etan epizodon, kiu okazis en la bieno...
*Aneta Ubik, or., Germanio, Kontakto, 2004, 6, p. 7*

Se mi volus, mi estos herbejo –
mola, kun dolĉa kaj sorĉa odoro,
en kiu vi kuŝos kaj fine **elploros**
ĉion, kiu delonge pezas sur via koro.
*Venelin Mitev, or., Bulgario, Literatura Foiro, 220 (apr. 2006), p. 59*

Inter la ĝis nun realigitaj esperantigoj de Lorca-aj **elplumaĵoj** elstaras propralume la splenda far', nia traduk-majstro.
*La Gazeto, 77 (jun. 1998), p. 9*

Printempa festo estas la celebrotago la plej **elpraa** kaj solena de la ĉinoj ĉiunaciaj.
*Mao Zifu, or., Ĉinio, La Gazeto 69 (mar. 1997), p. 23*

Ferminte tiun ĉi fakan parentezon ni revenu al nia trafoliumantino, kiu bolas kaj **elpremiĝas**: "Nekredeble: ne plu estas limo al la homa priplukado... Malestimindaj flavbekuloj...
*S.Boniol, Fonto, 45 (jun. 1984), p. 32*

Li iris sola al la pentristo kaj baldaŭ ili du **elpromenis** al la varma suna strato.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroata Prozo, Zagreb, 1979, p. 338*

Same estas pri la franca lingvo – ankaŭ ĝin oni tretas malsciante, senindulge. Mi jam ne plu miras, kiam en iuj televidaj kanaloj la reklamo de fama kosmetika firmao *Garnier* (laboratorio en Parizo), kiun dum longaj jaroj la samaj kanaloj **elprononcis** franceme, kiel *'garnyé'*, ekde iu momento estas prononcata angleske *'gar-ni-er'*, ĉiun voĉon aparte eldirinte, precipe la lastan "r".
*Josef Kavka, or., La Gazeto, 121 (dec. 2005), p. 17*

Lantamove, kun falsa senĝeno, li elpaketigis cigaredon, ĉendis ĝin ĉe la lipoj kaj elĵetinte plenbuŝon de fumo, **elprudentis**: "Vidu...
*Miguel Fernandez, or., La Gazeto, 66 (dec. 1996), p. 17*

Ĝi [Persio] malvenkis en militoj kaj nun ĝi estas detruita kaj **elrabita**.
*La Gazeto, 73 (dec. 1997), p. 29 [ruse: "ограбить начисто, подчистую"; = plene]*

Keming ordonis bruligi petardojn. La apudstaranta servisto Wen De **elrapidis**.
*Wei Yida, Li Shijun, el la ĉina, Bakin, La Familio, ĈEL, Beijing, 1999, p. 178*

Sur la planko.
Loziĝas niaj gestoj, kiam el ĉi fatraso
vortoza ni progresas al silento lucida,
**elreviĝe** rigardoj samdecide paralelas
malenue akutas rideto en seren'.
*Mauro Nervi, or., Italio, La Ondo de Esperanto, 2002, 6, p. 11*

Kompreneble, eksterajn ŝanĝojn mi apenaŭ rimarkis, krom granda tabulo "PL Transit", por poloj, ĉe Friedrichstrasse. Samkiel infanaĝa **elreviĝo**, kiam mi konstatis, ke "eksterlando" (temis pri Felvidék, hungara Slovakio) tutsimilas al enlando.
*István Ertl, or., Hungario, La Gazeto, 97 (dec. 2001)*

Unu el tiuj elementoj estas la lerteco de Holmes **elrezoni** multe el zorga ekzameno

de ordinaraĵoj.
*Sylvan Zaft, Literatura Foiro, 179 (jun. 1999), p. 145*

B.Tornado ne nur klopodas poeziece enfokusigi la mitan pralegendon... Mi, kiel italo **elricevis** la impreson, preskaŭ ĉiupaĝe pri la pravo de la eldiro, kiun nia poeto Dante metas enbuŝen al Odiseo...
*Nicolino Rossi, or., Italio, Literatura Foiro, 180 (aŭg. 1999), p. 187*

Tre simpla kaj nemalfacila karaktero. Karaktero, ĉe kiu oni **elripozas** kvazaŭ en iu bone ekipita kaj hejtita montkabano.
*Vinko Oŝlak, or., Aŭstrio-Slovenio, Jen la sablo de mia klepsidro, Aŭstrujo, 1991, p. 48*

Por esti arda kaj ekscitita li bezonas la sindetenon de Edit, ŝian prizorgadon. Ĉe Edit li kolektas forton, ĉe ŝi li **elripozas**.
*István Nagy, el la hungara, Boris Palotai, Propra loĝejo, Hungara Vivo, 1989, 3, p. 111*

Kaj paroli, tion Slanina scipovis. Li scipovis tion tiel, ke oni tiun lian ĝibon eĉ ne perceptis kaj liaj **elrulaj** okuloj ŝajnis preskaŭ belaj.
*Éli Urbanová, or., Ĉeĥio, La Gazeto, 96 (okt. 2001), p. 13*

Plie, eventuale, kial ne **elruzi** duonan labortagon per falsa subita aĉiĝo de la farto?
*Miguel Fernández Martin, or., Literatura Foiro, 137 (jun. 1992), p. 129*

Se uzurpanto anstataŭus la reĝon, ĉu vi servos la **elsaltulon**?
*Cho Sung Ho, el la korea, Koreaj rakontoj Ĉunhjang, Seŭlo, Korea respubliko, 1976, p. 18*

Malgraŭ ĉio ĉi devas vivi homoj:
**elsavis** ili sian korpon, kiun premis
komodoj, librobretoj aŭ fostoj.
De malvarmo la homoj tremas.
*Tutui Kazujuki, el la japana, Riveroj, 1995, 10, p. 2*

Kiu ĵus verkis la libron por glorigi la permesivan edukadon, la ununure bonan, ĝisdatigitan kaj **elsavantan**.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 104 (jan. 2003), p. 3*

Sed la filnjo kara, filnjo kompatinda. Kie, kiam ŝin mi estos retrovinta? Ŝin de mi la estro de la turkoj rabis, Havu ŝian manon, kiu ŝin **elsavis**.
*K.Kalocsay, el la hungara, S.Petöfi, Johano la Brava, HEA, Budapest, 1984, p. 23*

En *LG114* mi **elscias** pri ties traduko al la ĉina kaj al la japana, certe bonvena afero.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 116 (jan. 2005), p. 6*

De la taksiisto mi **elscias** interesajn faktojn. Ekzemple...
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 116 (jan. 2005), p. 6*

Kaj iam kvarjara li kun miro sciigis foje: "Paĉjo, ĉi tie el trueto io **elskarabis**!"
*Sergej Gonĉarov [kelkjara denaskulo], or., Rusio, Literatura Foiro, 166 (apr. 1997), p. 93*

La unuan fojon mi eraris en la adiciado, kaj tion pri fajfindaj dudek-kvar dinaroj...

kaj ĉu vi vidis kiel ili **elskuis** sin.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroata Prozo, Zagreb, 1979, p. 371*

Post neniam ekzistinta socialismo ni pasos en epokon sen-isman, kun antagonismoj ne ideologiaj (ideologioj ankaŭ ĝis nun servis por kaŝi la beste **elstomakajn** pluviv-instinktojn) sed ekonomiaj...
*István Ertl, or., Hungario – Nederlando, La Gazeto 97 (dec. 2001), p. 16*

Li **elstreĉis** al mi sian manon.
*el kolekto de Klara Ilutoviĉ*

Patrino, patrino! – Anjo nur povas ekkrii, kaj kiel el tombo ŝi aŭdas la voĉon de sia patrino kaj vidas kiel el nebulo ties **elstreĉitajn** manojn, kaj tiam ŝi scias nenion plu.
*Ansis Atkalns, el la latva, Norda Prismo, 1965, 4-6, p. 141*

Fine li **elŝanceliĝis** el la drinkejo... Li sidiĝis en la koto meze de la strato. Tie li sakris kaj parolis dise-mise: – Jen la taŭga loko...
*István Nagy, el la hungara, Fonto, 74 (febr. 1987), p. 11*

Do ankaŭ ili estis finedukitaj kaj ekzamenitaj, mi pensis rimarkante la ombrojn sub iliaj ruĝetaj okuloj. Ni **elŝanĝis** mutajn malesperajn rigardojn. [post pribatado]
*Horst Vogt, or., Germanio, La Gazeto, 117 (maj. 2005), p. 30*

La paŝojn faras pli fortaj kaj iom misteraj la eĥo. Li **elŝlosas** la pordon – kiam li haltas, oni aŭdas kuntintiĝon de pluraj ŝlosiloj.
*V.Benczik, or., Hungario, Norda Prismo, 1969, 2, p. 104*

La virino frostotreme sidis sur la lito kaj rigide rigardis, kiel **elŝnuris** la ŝuojn tiu granda korpulenta homo.
*I.Nagy, el la hungara, Z.Moricz, Varmega kamparo, HEA, Budapest, 1985, p. 53*

La neĝŝovelantoj sin **elŝovelis** norden tra la vilaĝo, ili antaŭeniĝis kaŝitaj en profunda elfosaĵo; ilia kieo riveliĝis pro la neĝblokoj...
*Finn Elwarth, el la dana, Fonto, 17 (jan. 1982), p. 16*

Lia patro estis vere *kupec,* t.e. komercisto, li **elŝvitis** universitatan edukadon por siaj kvin infanoj. *(Mi rusplatforme dirus perŝvitis, rim. de A.G.)*
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 125 (jun. 2006), p. 4*

"Tempo"... publikigis specialan "postkongresa eldono"... **entroviĝas** trafa prezento pri nia historio en Kroatio .
*or., Kroatio, La Gazeto, 75 (mar. 1998), p. 19*

La fia potenculo elpensas malhelpaĵojn, kiujn la etuloj superas. Se estas bezono, la bona sorĉisto ja povas **eltruki** ilin el embaraso. Tiel la Bono fine tamen venkas.
*Wolfgang Kirschtein, or., Danio, Esperanto, 2001, 5, p. 94*

Ĉiuj vojaĝantoj **eltujas** sur la malvarman glacian kovraĵon de la Tero...
*I.Rotkvić, el la kroatserba, Kroatio, Tragedio en la Universo, Zagreb, 1961, p. 48*

Kvankam la indiĝenoj reprezentas inter 70 kaj 80% de la popolo kaj estas la ĉefa turisma allogaĵo de la lando, ili etproporcie profitas el la **elturisma** ekonomio.
*Philippe Chavignon, or., Francio, Esperanto, 2006, 11, p. 237*

Do, la revuo nuntempe estas redaktata en Slovakio, sed presata en Nederlando. La eksteroficeja redaktado havas kaj avantaĝojn (pli da trankvilo, **ne-el-umbilika** panoramo al Esperantujo, "pli proksime al la legantoj"...)...
*Stano Marĉek, or., Slovakio, La Ondo de Esperanto, 2002, 4, p. 3*

Nun oni lasas la fajron **elvastiĝi**, kaj la fajrobrigadistoj alvenas, kiam ĉio forbrulis...
*Hamza Bakŝić, or., Bosnio-Herzegovino, Monato, 1993, 10, p. 9*

Kaj svarmas homoj paŭze dum la vetur'
kaj brue gastoj krias per vok' al voko.
Nur tio gravas **elvenki** en tiu konkur'
kaj sidon kapti en bele komforta loko.
*Baldur Ragnarsson, el la islanda, La Tradukisto, 43 (mar. 2003), p. 14*

Alterne kun skeptiko kaj eventuala aspiro je revolucio, Becker **elversas** amaran kritikon:
Ĉiuj dioj estas for.
La homoj ne plu pensas.
Nur mono regas en la ĥor',
la voĉojn burs' kompensas.
*Jorge Camacho, or., Hispanio, Esperanto, 2007, 3, p. 62*

La "lordurbestro" de Stoke-on-Trent, kompleta kun ora ĉeno kaj edzino (kiu portis malpli dikan oran ĉenon!), urba konsiliano kaj ĉefa edukoficisto **elverŝiĝis** el ĝi [nigra limuzino] kaj ni supozis "nun oni ekceremonios".
*ge-Rapley, or., La Ondo de Esperanto, 2002, 11, p. 6*

La loko estas nomata Einarsvardo, ŝtonamaso de Einar, kaj servas kiel mezepoka tempomarko, **elvide** de la somerpaŝtejo.
*Baldur Ragnarsson, el la islanda, Islandaj pravoĉoj, Eldona Societo Esperanto, Malmö, Svedujo, 1964, p. 25*

En la ombro de la savboatoj ankoraŭ moviĝis la fantoma figuro, forirante antaŭ ili. Tiam ĝi **elvidiĝis**.
*Deck Dorval, or., Jaĥto veturas for kaj veturigas la morton, Flandra E-Ligo, Antverpeno, 1983, p. 21*

Neniu ĝis nun ŝancelis liajn trovojn ke oni bezonas 0.17 mikrogramojn da plutonio por **elvivigi** plenkreskan muskardenon, 3.42 mikrogramojn por **elvivigi** normalpezan homon en la meza socia tavolo, kaj...
*Martin Weichert, or., Svedio, Fonto, 273 (sept. 2003), p. 11*

... sed ili ne sciis kion fari kiam malaperis *Bungaku Hyoron*, tamen ili fine trovis **elvojon**: rekte peti de mi liveri la daŭrigon de mia japana traduko.
*Kurisu Kei, or., Japanio, La Gazeto, 122 (jan. 2006), p. 15*

Dume ankoraŭ alia **elvortis**...
*Miyamoto Masao, el la japana, Ihara Saikaku, Kvin virinoj de amoro, eld. "Pirato", Oosako, 1966, p. 80*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## LINGVISTIKAJ OBSERVOJ DUM LA 85-a SAT-KONGRESO



*Ukrainio, Jalta, de la 11-a ĝis la 18-a de aŭgusto Postkongreso – de la 19-a ĝis la 21-a de aŭgusto, Massandra*

Vidpunkte de lingvistiko kaj de psikolingvistiko, tiu ĉi aranĝo, organizita en Jalta, kiun partoprenis ĉirkaŭ 50 personoj, estis, laŭ mi, sufiĉe riĉa je interesaj lingvaj nuancoj.

Estis grave, ke multaj Esperanto-spertuloj kaj progresantoj partoprenis la kongreson kaj aktive engaĝiĝis en preskaŭ ĉiujn interparoladojn kaj diskutojn, do tial la nivelo de la lingvo, kiun oni reale parolis ĉiutage dum SAT-semajno, estis alta.

Kompreneble tiam, kiam la homoj kapablas transpaŝi la tiel nomatan "elviv-nivelon" kaj ekpovas simple interŝanĝi opiniojn kaj paroli pri iuj aktualaj temoj, evidentiĝas (plej ofte tion rimarkas kelkaj lingvemuloj), ke oni sukcese iumaniere plivastigas la lingvan trezoron de Esperanto kaj pliprofundigas la kognan kampon de E-kulturo.

Ĉiuj lingvoj enhavas vortojn, frazojn kaj idiomaĵojn, kiujn aliaj kulturoj ne povas plene kompreni, aŭ, se diri pli precize, ne povas uzi laŭsence aŭ intuicie, do tiuj "netradukeblaĵoj" regule centrigas ĉirkaŭ si kulturajn arketipojn de la popolo, kiu parolas tiun lingvon kaj pere de la lingvo posedas sian propran pensmanieron. Tiu pensmaniero ekformiĝis ĝuste kiam la homoj komencis pensi per vortoj. Do, ekde antikvaj epokoj la triboj strebis priskribi kaj deĉifri la medion, en kiu ili loĝis pro historiaj kialoj.

Sed necesas konstati, ke diference de naturaj lingvoj, kiuj evoluas "kiel parto de kulturo de iu etno, kies anoj parolas ĝin kiel denaske akiritan gepatran lingvon" (Vikipedio), Esperanto ne estas etna aŭ nacia lingvo por iu ajn grupo de homoj, kvankam ekzistas denaskaj E-parolantoj. Tial ne kulturo aŭ etno formas la lingvon, sed la lingvo mem iĝas akso kaj fonto de formiĝanta kaj formiĝonta E-kulturo.

Tiamaniere, kiam temas pri Esperanto, oni devas kompreni, ke la lingvo, kiu naskiĝis antaŭ nur 125 jaroj, nun aktive kaj fruktodone konstruas siajn proprajn kulturajn kaj etosajn arketipojn kaj originalaĵojn. Ĝi estas tiom malfermita al multegaj lingvaj novaĵoj, ke nepre endas fiksi kiel eble plej multe da spritaj kaj interesaj kazoj de lingvouzado. Ĝuste pri tio mi okupiĝis dum SAT-kongreso kaj postkongreso.

Eĉ en tiu negranda aranĝo oni povis observi originalan lingvan evoluon kaj krean potencon de Esperanto. La lingvo funkcias en kelkaj varioj, kaj parolantoj de ĉiu socia, kultura aŭ nacia grupo multe riĉigas la lingvan trezoron.

Plej gravaj varioj de la lingvo Esperanto estas:

- normigita lingvo (aŭ literatura lingvo) – oficiale, publike, ĉiuloke uzata

lingvo, kiun oni instruas kaj kies reguloj kaj normoj estas fiksitaj en vortaroj kaj gramatikoj;

- dialekto – vario de Esperanto, parolata en difinita lando, urbo aŭ loko, kiu havas siajn proprajn fonetikajn, leksikajn kaj gramatikajn karakterizajn trajtojn;
- naciaj akĉentoj – varioj de Esperanto, parolataj de homoj, kiuj prononcas E-vortojn, frazojn kaj propoziciojn neĝuste: parte aŭ tute laŭ fonetikaj kaj intonaciaj reguloj de la gepatra lingvo;
- sociolekto – vario de Esperanto, parolata de socie difinita komunumo;
- profesiaj ĵargonoj kaj slangoj de diversaj grupoj kaj komunumoj;
- idiolekto – vario de Esperanto, apartenanta al difinita homo kun individua specifa parolmaniero kaj aro de vortoj.

Unuavide ŝajnas, ke la diverseco de tiuj lingvaj varioj apenaŭ ebligas senliman lingvan evoluon, ĉar ĉiu vario havas "sian propran limon" kaj la procezoj de reciproka penetrado de lingvaj novaĵoj inter varioj estas tro komplikaj. Tamen la faktoj kontestas tiun supozon.

La plimulto de SAT-anoj, kiuj partoprenis la kongreson en Jalta, estis francoj. Kvankam ilia lingvonivelo altas, rimarkindis iuj strangaĵoj, rilatantaj precipe al francparolantoj. Por ekzemplo, francoj kutime demandas "Ĉu bone?" aŭ simple "bone?" en sama senco kiel la demando "Kiel vi fartas?".

Eksterlingvaj faktoroj kaj la lingvo mem ĉiam koheras. Tial de sociaj situacioj ofte devenas novaj vortoj, konceptoj ktp. La organizado de distra programo dum SAT-kongreso estis malaltnivela, tial la ĉefa organizanto iĝis centra objekto de ŝercoj. Pro tio li fakte kunigis la partoprenintojn, ĉar ĉiu havis kion diri pri li al la alia. De tiu situacio la 18-an de aŭgusto vespere aperis nova verbo – Jefim+um+i = ***jefimumi***, kiu en larĝa senco signifas: 1) grumbli senkaŭze; 2) paroli nur pri si mem, ne permesante al aliaj esprimi siajn opiniojn; 3) respondi ordinarajn demandojn per aliaj demandoj, ks.

Ankaŭ pro tiu fakto, ke la organizado estis malbona, ĉiam neniu sciis, ĉu okazos iu programero aŭ ne okazos. La planoj tiom ofte ŝanĝiĝis, ke pri estonteco kaj eĉ pri estanteco oni riskis paroli nur en kondicionalo – la 19-an de aŭgusto, vespere, dum teumado la homoj decidis al ĉiuj verboj aldoni nur la *us*-finaĵojn. *"Bonan nokton, kara! Ni esperus, ke vi dolĉe dormus."* Jen tiamaniere estiĝis malgranda slango, kiu estas klara kaj amuza nur por partoprenintoj de tiu kongreso.

*"Karaj vir-kamaradoj!"*– ĝuste tiel povis soni la saluto de Ĵomo – unu el partoprenintoj. Sed ne timu. Temas pri franco, kiu posedas ege originalan idiolekton. Laŭ lingvaj kategorioj de lia idiolekto, estas bone kaj bele aldoni al nomoj de viraj personoj la parteton "vir-". Ekzemple: *virhomo, virinstruisto, virĉefo* ktp. Krome, por "ordinara" homo preskaŭ tute ne eblas sekvi lian pensojn, kiam li parolas Esperante, ĉar li havas okulfrapantan – eble orelfrapantan? – francan akĉenton. Ĵoma idiolekto estas tiom amuza, ke iu eĉ diris anstataŭ la tradicia frazo "Lernu Esperanton!" la frazon "*Lernu la Ĵoman!*".

Interesa estis ankaŭ la observo pri diversaj akĉentoj de Eo. Ekzemple, evidentiĝis, ke nelonge antaŭ noktiĝo ĉiuj naciaj akĉentoj iĝas pli distingeblaj, ĉar la ho-

moj laciĝas kaj ne zorgas multe pri klara prononcado. La rusianoj kaj ukrainianoj ekas kvalite redukti senakcentajn vokalojn, la hispanoj konfuzas la sonojn [z] kaj [s]. Kaj ĉe la francoj ekaŭdeblas akcentita lasta silabo.

Dum la kongreso la homoj pridiskutis multajn aktualajn temojn, ligitajn kun lingva politiko en diversaj landoj kaj regionoj (ekzemple, komplika lingva situacio de kreolaj lingvoj, kunekzistado de la ukraina kaj la rusa lingvoj en Ukrainio, senperspektiveco de instruado pri la kazaĥa lingvo en Kazaĥio ktp). Ankaŭ lingvaj rajtoj iĝis centra punkto de longaj viglaj disputoj. Tio ĉi entute reprezentas prudentan kaj aktivan civitanan pozicion kaj maturan memkonscion. Ĝuste tial la socio altigas la intereson al lingvo mem. La lingvo estas spegulbildo de pensmaniero, ĝi reflektas la spiriton de la tempo. Necesas ne preteratenti interesajn kazojn de lingvouzado, ĉar same kiel la lingvo evoluas en diversaj direktoj, evoluas la kulturo kaj la lingva konscio de E-parolantoj.

***Julija Samsonova (Moskvo)***

## INFORMO PRI IKBE-78

De la 13-a ĝis la 20-a de julio apud Kijivo pasis Internacia Kongreso de blindaj esperantistoj (IKBE-78). En ĝi partoprenis preskaŭ 60 esperantistoj el 14 landoj.

Senescepte ĉiuj estis renkontitaj en la fervoja stacidomo kaj en la flughaveno. Estis bone prizorgita ankaŭ la forveturo.

La Kongreso pasis precipe en trankvila kaj amikeca atmosfero. Sola manko – la unuan fojon dum pli ol 20-jara historio de la sanatorio, en kiu okazis la aranĝo, mankis varma akvo, sed tio, ve, ne estas kulpo de la organizintoj...

La programo (respondecis O.Poŝivana kaj T.Muĥamedŝina) similis al tiu de kutimaj E-aranĝoj – dematene lernado, post la tagmanĝo – prelegoj, pridiskutoj, konversacioj, vespere – kultura programo.

Multe da atento estis donita al la temo pri V.Eroŝenko, pri kiu respondecis Julia Patlanj. Aktive kontribuis al ĝi A.Masenko kaj S.Proĥorov (Rusio), K.Kikusima kaj T.Kunio (Japanio).

Fine de la renkontiĝo tage okazis koncerto de fama rusia pianisto-esperantisto, laŭreato de multegaj konkursoj Andreo Korobejnikov kaj vespere – granda Internacia koncerto.

Interesa estis ankaŭ "Ukraina vespero", al kiu speciale venis O.Kovalivska (eks-Mirgorodska). Bone kontribuis al la programo per sia bela voĉo 76-jara veterano de la movado P.Sinpir.

Krome, la aranĝon vizitis radi-ĵurnalistino de la stacio "Voĉo de Kijivo", kiu intervjuis s-ron M.Lineckij. Temis pri diversaj temoj, ĝenerale rilataj al Esperanto. Certe estis tuŝita temo ankaŭ pri la 125-jariĝo. En la elsendo sonis kantoj el la disko "Ukrainaj kantoj en Esperanto": "Salika breteto" (traduko de M.Bronŝtejn) kaj "En ĉeriza ĝardenet'" (traduko de M.Lineckij).

La organizintoj (M.Lineckij kaj E.Slovaĉevskaja) ricevis multajn dankojn de la partoprenintoj pro bone organizita Kongreso.

***Mikaelo Lineckij (Ukrainio)***

# Bulteno de REU

kompilas kaj redaktas Grigorij Arosev, redaktofino – la 01.10.2012.

## La Estraro informas

En la unua dekado de la oktobro REU-estrarano Svetlana Smetanina vizitis la urbon Vladimir, kie esploris eblojn por organizo de la sekva Rusia Esperantista Kongreso. Ĝi estas planita por la marto aŭ aprilo 2013. Jam baldaŭ la Estraro fin-decidos pri la loko kaj dato de REK kaj oficiale informos pri la Kongreso.

Krome la Estraro decidis pri la kotizoj por 2013: ili restis la samaj. La detalojn vidu fine de la Bulteno.

## Nombrado de esperantistoj

Nun en Interreto okazas censo (popolnombrado) de esperantistoj. La adreso, kie oni povas enkalkuliĝi, estas <http://www.thepetitionsite.com/1/esperanto-parolantoj-en-la-mondo/>.

Jen la (koncizigita) enkonduka teksto:

"De multaj jaroj oni prave demandas sin, kiom da Esperanto-parolantoj estas en la mondo. La respondoj estas diversaj... La celo de tiu ĉi peticio estas kalkuli, kvantigi, elnombri la tutmondan esperantistaron per la iloj, kiujn la nuntempa teknologio disponigas al ni. Temas pri projekto ambicia, certe tamen – en la inter-reta hodiaŭa epoko – ne utopiista. Informu pri tiu ĉi peticio la Esperanto-parolantojn, kiujn vi konas: membrojn de via loka grupo, korespondantojn, gas-tigintojn, geamikojn... ĉiujn ajn, inkluzive de homoj, kiujn vi renkontis antaŭ pluraj jaroj. Informu ilin laŭeble per retpoŝto, se ili uzas ĝin, sed, se ili estas maljunaj aŭ loĝas en lando/kontinento, en kiu la aliro al interreto ne estas facila, informu ilin persone, per telefono, fakso, letero...

Se iuj ne sukcesos aliĝi al la popolnombrado, ni havos almenaŭ minimumam taksadon (5000, 10000, 50000...) de tiuj, kiuj parolas Esperanton kaj estas aktivaj en interreto, kio estus same rimarkinda".

La ĝenerala direktoro de UEA Osmo Buller skribas en la yahoo-dissendo <uea-membroj>: "Verŝajne multaj tamen ne pretas fari tion pro la neceso indiki siajn nomon (kiu povas resti kaŝita), retadreson kaj poŝtan adreson (kiuj restas kaŝitaj). Estis jam antaŭe kelkaj similaj petskriboj, ĉiam kun modesta rezulto, kaj ankaŭ tiu ĉi sendube ne restos la lasta... Malgraŭ miaj fortaj rezervoj mi kredas, ke aliĝante al la petskribo oni ne faras ion malbonan".

## Pri Esperanto ĉe la televidkanalo "Kultura"

La 26-an de julio, en la tago de la 125-jariĝo de Esperanto, ĉe la ŝtata televid-kanalo "Kultura" aperis mallonga anonco pri la jubileo. La ruslingva teksto sonis jene:

"125 лет назад в этот день в Варшаве вышел в свет первый учебник так

называемого “международного языка”, разработанного врачом и лингвистом Людвиком Заменгофом. Автор подписал свой труд “Доктор Эсперанто”, что значит “надеющийся”. Впоследствии это название получил и изобретённый им язык. С этого дня – 26-е июля считается днем рождения эсперанто”.

La anonco sonis kadre de la programero “Kalendaro”, kiu rakontas pri ĉefaj memorindaj eventoj de ĉiu tago. La video rigardeblas ĉe la paĝo <http://www.tvkultura.ru/news.html?id=1050408> (klaku “Видео” sub portreto).

La “Kalendaro” ricevis rusian rangon 1,24 kaj moskvan 2,38 (tio signifas ke la programon spektis respektive 1,24% de ĉiuj rusiaj kaj 2,38% de la moskvaj spektantoj, kies televidiloj estis ŝaltitaj tiumomente).

## Rusianoj dum la 68-a IJK

Situinta en norda parto de la ĉefurbo, bonege aranĝita kaj prizorgata (la maŭzoleo de Ho Chi Min kaj multaj ambasadoj apudis), la IJK-ejo enhavis ĉion bezonatan por laboro, ripozo kaj amuziĝo de la partoprenantoj, kies kvanto ne superis 150. Rusio estis prezentita per 6 personoj: Glazov (Udmurtio) – 2, Tjumenj – 2, Jekaterinburg – 1, Ivanovo – 1. Oljga Ŝiljajeva (Glazov) salutis kongresanojn je la nomo de rusia E-junularo. Ŝi kun la samurbano Roman Jefremov kaj jekaterinburgano Sergej Lokis, vestitaj en rusiajn popolkostumojn, partoprenis la prezentadon de la naciaj kostumoj (etnaj vestaĵoj). Ŝiljajeva krome prezentis la rusan lingvon komputile dum la Lingva Festivalo. Tatjana Loskutova instruis Esperanton al 20-persona grupo de komencantoj el Vjetnamio, Koreio, Britio, Pakistano, Japanio, Rusio kaj Indonezio.

*Laŭ la informoj de Tatjana Loskutova*

## Mirinda Vjetnamio!

***impresoj pri IJK-68 en Hanojo***

Ĉi-jare mi partoprenis en Internacia Junulara Kongreso (IJK-68), kiu okazis en Hanojo, la ĉefurbo de Vjetnamio. Tiu ĉi kongreso estis la unua granda internacia Esperanto-evento por mi.

Vjetnamio estas mirinda lando kun belega naturo, afablaj kaj bonkoraj homoj. Ĝi tre impresis min. Oni opinias, ke Vjetnamio estas la plej sendanĝera lando en Azio, kaj la urbo Hanojo estas la plej sendanĝera loko en la tuta mondo.




Hanojo estas la ĉefurbo de la lando dum jam pli ol mil jaroj. Dum la kongresperiodo en Hanojo estis tre varmega kaj humida vetero, fojfoje pluvis. Bone, ke en la hotelo kaj kongresejo funkciis klimatiziloj. La

urbo Hanojo estas tre verda. En la urbo mi vidis multajn ekzotikajn por mi arbojn kaj kreskaĵojn. Mi ankaŭ rimarkis freneze densan trafikon sur stratoj de la urbo, multajn motorciklojn, fojfoje vjetnamoj veturis tutfamilie, po tri aŭ kvar homoj. Ŝajnas, ke en Hanojo preskaŭ ne ekzistas trafikaj reguloj. Ŝoforoj multe uzas sonorilojn por ne kunpuŝiĝi. En Hanojo multas bazaroj kun diversaj neordinaraj, ekzotikaj por mi varoj. Ĉiuj varoj estas nemultekostaj.

Ankaŭ manĝaĵoj en Vjetnamio estas nekutimaj. Ĉiutage vjetnamoj manĝas rizon, multe da nudeloj, nekonatajn por mi legomojn kaj fruktojn, sed malmulte, laŭ mia opinio, trinkas teon. Al mi tre plaĉis nacia vestaĵo por virinoj, kiu nomiĝas "aozaj". Tio estas eleganta robo kun pantalono, pri kiu en Vjetnamio oni diras: "Ĝi kovras ĉion, sed kaŝas nenion". Oni kudras ĝin plej ofte laŭ speciala mendo.

En IJK-68 partoprenis proksimume 150-160 esperantistoj. La tuta programo de la kongreso estis tre bone organizita, enhavis multe da interesaj kaj variaj programeroj. Mi kune kun miaj amikoj el Glazov Roman Jefremov kaj Oljga Ŝiljajeva partoprenis en la prezentado de naciaj vestaĵoj kaj manĝaĵoj fare de esperantistoj el diversaj landoj. Nia triopo elpaŝis en rusaj popolaj vestaĵoj, kiujn ni speciale kunprenis en Vjetnamion por tiu ĉi evento. Ni ankaŭ kunportis rusajn manĝaĵojn: suŝkojn, sunflorajn semojn kaj rusan vodkon por prezenti. Plezure ni gustumis prezentitajn bongustaĵojn el Japanio, Brazilo, Koreio kaj aliaj landoj.



Mi ĉeestis en lingva festivalo dum kiu la partoprenantoj mallonge rakontis pri siaj patrolingvoj.

Dum la kongreso okazis ankaŭ aŭkcio, kie vendiĝis multaj aĵoj el diversaj landoj. La tuta monricevo de la aŭkcio estis transdonita al malriĉaj infanoj de Vjetnamio. Okazis interesaj ekskursoj en la maŭzoleon de Ho Chi Minh kaj en la etnologian muzeon de Vjetnamio, vizito de pupteatro, kie per pupoj sur la akvo oni prezentis amuzan spektaklon. Min ankaŭ impresis prezentado fare de japana esperantisto pri muzikiloj el la tuta mondo, japana teceremonio, dum kiu mi mem kuiris verdan teon laŭ regionaj kutimoj de Japanio. La plej interesa kaj utila por mi estis la ebleco interparoli kun diverslandaj esperantistoj, ĉarma kaj neforgesebla etoso dum la tuta kongreso. Rezulte de la aktiva praktiko de Esperanto rimarkinde pliboniĝis mia lingva nivelo, nun mi pli libere parolas Esperante.

Ekzistas multe da belegaj lokoj en Vjetnamio, kiujn mi ne sukcesis viziti, tial estas kaŭzo por iam reveni en tiu ĉi mirindan landon.

***Sergej Lokis (Jekaterinburg)***

## Peterburga Biblioteka Flugfolio

Peterburga Biblioteka Flugfolio (PBF) estas reta informilo pri privata kolekto de verkoj eldonitaj ekde 1890 ĝis nun. La verkoj estas ĉefteme ligitaj al Esperanto, aŭ verkitaj de esperantistoj, aŭ tuŝas prilingvistikajn demandojn. La kolekto estas frukto de preskaŭ trijara laboro. La biblioteko enhavas ne paperajn verkojn sed elektronikajn retajpaĵojn.

Ne ĉiu scivolema persono povas viziti la Ŝtatan Bibliotekon de Sankt-Peterburg, kie estas deponitaj centoj da E-lernolibroj, vortaroj, libroj kaj broŝuroj. La kolekto estas kvazaŭ elektronika biblioteko por ĉiuj interesiĝantoj pri la E-movado, historio, eldonoj kaj evoluo de lingvistikaj skoloj.

Je la 1-a de aŭgusto 2012 la kolekto enhavas:

– 95 verkojn (retajpitajn) de la antaŭrevolucia epoko 1890-1917;

– 42 verkojn de la intermilita periodo 1918-1936;

– 4 verkojn de la postmilita periodo (ĝis hodiaŭ).

La kolekto enhavas ankaŭ prilingvistikajn verkojn. Krome estas skanitaj kolektoj de 9 periodaĵoj. La kolekto ne havas E-lernolibrojn, vortarojn ktp., ĉar ili valoras nur el la historia vidpunkto.

Por ricevi deziratan retajpitan verkon oni povas agi laŭ unu el la sekvaj manieroj:

a) sendi liston de dezirataj verkoj kaj poste monsumon al la poŝta adreso, aŭ ĝiri monsumon al la poŝtelefono de la kolekto-posedanto;

b) sendi fotokopio(j)n de iu verko(j), mankanta(j) en PBF. Post ricevo de la kopioj la kolekto-posedanto sendos la deziratan verkon. La kopioj (aŭ originalaĵoj) devas rilati al Esperanto aŭ lingvistiko, aŭ esti verkitaj de esperantistoj;

c) sendi fotokopiojn el la listo de la serĉata literaturo;

ĉ) proponi alternativan varianton.

PBF estas kolekto konstante riĉiĝanta per novaj-malnovaj retajpaĵoj. Por ricevi la trian numeron de PBF oni sendu mendon al la redadreso <anasido@gmail.com>.

*Laŭ la informoj de Anatolij Sidorov*

## Movi.Kanti.Revo

La interreta giganto Google anoncis interaktivan projekton "Movi.Kanti.Revo", kiu estis inspirita de la fama "Cirque du Soleil" ("la suna cirko"). La enkonduko atentigas, ke "Movi.Kanti.Revo" tradukiĝas el Esperanto "Движение.Пение.Мечта" (la eraro evidentas).

"La eksperimenta projekto lasas mergiĝi en la atmosferon de La Suna Cirko kaj observi fabelan protagoniston en malreala mondo. Interkomunikado kun la protagonisto fareblas geste sen uzi klavaron kaj muson", – tekstas la klarigo.

La adreso de la pricirka retejo estas <http://www.movikantirevo.com/>.

*Laŭ la informoj de Andrej Grigorjevskij*

## Sergej Lukjanenko demandis pri Esperanto

Konata fantasta verkisto Sergej Lukjanenko demandis legantojn de sia blogo ĉe

Livejournal pri Esperanto. Li metis skanitan kovrilon de la E-traduko de sia libro "Knabo kaj mallumo" (ruse: "Мальчик и тьма") kaj demandis, pri kiu lingvo temas. Preskaŭ ĉiuj replikis trafe, kvankam sendube plejparto ne mem divenis, sed uzis Interreton por trovi la respondon. La demando mem kun ĉiuj komentoj legeblas (ruse) ĉi tie: <http://dr-piliulkin.livejournal.com/357575.html>.

## Rusiano Mitin – poezia laŭreato de la Belartaj Konkursoj

La 2-an de aŭgusto en Hanojo, kadre de la speciala kunveno en la 97-a Universala Kongreso de Esperanto, estis anoncitaj la rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA en 2012. En la poezia branĉo laŭreatiĝis rusiano Aleksandr Mitin. Estas la dua fojo, kiam rusiano prenas la unuan premion en la poezia branĉo (en 1987 la unuan premion ricevis rostovano Eŭgeno Belonenko, poste Helena Melnikova prenis la trian lokon).

## Rezultoj de la Belartaj Konkursoj de UEA en 2012

### POEZIO

***1-a premio:*** **Aleksandro Mitin** (Rusio) pro *Inspiro*; ***2-a premio:*** ne aljuĝita; ***3-a premio:*** **Timothy Brian Carr** (Britio) pro *La arto de la Poezio* kaj **Luiza Carol** (Israelo) pro *Kandanco*; ***Honora mencio:*** **Aleksandro Mitin** (Rusio) pro *Rivero Honto* kaj **Jesper Jacobsen** (Francio) pro *Homsaĝo*. Partoprenis 43 verkoj de 22 aŭtoroj el 14 landoj.

### PROZO

***1-a premio:*** **Sten Johansson** (Svedio) pro *Tri legendoj*; ***2-a premio:*** **Ewa Grochowska** (Francio) pro *Sabla reĝlando*; ***3-a premio:*** **Sten Johansson** (Svedio) pro *Vasta domo*; ***Honora mencio:*** **Lena Karpunina** (Rusio) pro *La amnestipeto* kaj **Jesper Jacobsen** (Francio) pro *Subtenu min*. Partoprenis 21 verkoj de 15 aŭtoroj el 11 landoj.

### ESEO

***Premio "Luigi Minnaja":*** **Sten Johansson** (Svedio) pro *Ivan Ŝirjaev – la evoluo de verkisto* kaj **Luiza Carol** (Israelo) pro *La puzlo pri la elefanto*; ***2-a premio:*** ne aljuĝita; ***3-a premio:*** **Aleksandro Melnikov** (Rusio) pro *Leksikaj novismoj kaj neologismoj: anatemi aŭ odi?*; ***Honora mencio:*** **Sten Johansson** (Svedio) pro *Ĉu fundamenta evoluo aŭ neologisma glosolalio?* kaj **Brandon Sowers** (Usono) pro *Perspektivoj pri Esperanta kinarto*. Partoprenis 12 verkoj de 8 aŭtoroj el 7 landoj.

### TEATRAĴOJ

***1-a premio:*** **Carmel Mallia** (Malto) pro *Najbaroj*; ***Honora mencio:*** **Adrienne Pásztor** (Hungario) pro *Ombro en lumo kaj* **José Eduardo Rosa Crispim** (Portugalio) pro *Fetorafero*. Partoprenis 4 verkoj de 4 aŭtoroj el 4 landoj.

**INFANLIBRO**

***Premio "Infanlibro de la Jaro":*** **eldonejo PRO100** (Pollando) pro *Kato Koloro* de Moises Gutierrez Raimundez, tradukita de Przemysław Wierzbowski. Partoprenis 6 verkoj de 6 eldonejoj el 6 landoj

**PREMIO "NOVA TALENTO"**

**Jesper Jacobsen** (Francio).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# REU-kotizoj por 2013

## – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo (vd.sube), sed sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– individua kotizo, pagata ĝis la 28-a de februaro 2013: 200 rubloj (por eksterKSŜanoj – 20 eŭroj).**

**– individua kotizo ekde la 1-a de marto 2013: 250 rubloj (por eksterKSŜanoj – 25 eŭroj).**

*Inkluzivas membrokarton, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum Konferencoj de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2013.*

*NB! Pagante la jarkotizon antaŭ la 28-a de februaro vi ne nur helpas REU, sed ankaŭ ŝparas iom da propra mono. Se oni pagas la kotizon ne persone al la kasisto, la dato de pago estas kontrolata laŭ poŝtkvitanco. Nepre gardu la poŝtkvitancon ĝis vi informiĝos, ke via kotizo atingis nin!*

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por eksterKSŜanoj – 500 eŭroj)**

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo dum la tuta vivo de la membro.*

**– familia kotizo: 100 rubloj**

*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj, kiuj loĝas ĉe la sama adreso.*

**– kolektiva kotizo: 70 rubloj por ĉiu aligita membro (aliĝintaj kolektivoj pagas min. por 5 membroj).**

*Inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por kluboj kun 10-15 aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko de aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por la kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.* ***Se klubo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi devas aparte aboni REGon****.*

**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kluboj – 300 rubloj.**

*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

# Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой

**2.** En **Yandex-Dengi** oni povas pagi al la monujo 41001612527392

3. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.

4. Tra **Sberbank**.

– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron de la karto: 6761 9600 0012 682622 kaj necesan sumon.

– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:

Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"
БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29.
Получатель: Шорохова Наталья Николаевна
Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de la adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estraranoj). Vi devas informi pri la ĝirita sumo kaj la nomo(j) de persono(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

## PREMIO DEGUĈI AL URSULA KAJ GIUSEPPE GRATTAPAGLIA

Ges-roj Ursula kaj Giuseppe Grattapaglia ricevis la ĉi-jaran Premion Onisaburo Deguĉi. La Estraro de UEA aljuĝas tiun "esperantistan pacpremion" pro agado, kiu per Esperanto antaŭenigis internacian amikecon kaj solidarecon en la spirito de D-ro L.L.Zamenhof kaj Onisaburo Deguĉi. La Premio estis starigita en 1987 per donaco de Oomoto; ĝi konsistas el diplomo, monsumo 2000 eŭroj kaj donaceto de Oomoto.

Ges-roj Grattapaglia laboras ekde 1974 volontule en Brazilo en la bieno-lernejo Bona Espero, esperantista eduka institucio por infanoj en socia risko. De multaj jaroj ili agas en la internacia Rotaria movado favore al Esperanto. Ili aktive kontribuis por la videbligo de Esperanto en *Rio+20*, la konferenco de UN pri daŭripova evoluo, kiu okazis en Rio-de-Ĵanejro en junio ĉi-jare, 20 jarojn post la unua tia konferenco en 1992, en kiu ili ankaŭ aktive partoprenis.

La decido pri la premio estis anoncita en la Solena Fermo de la 97-a UK en Hanojo. Ĉar ges-roj Grattapaglia ne povis veni al tiu UK, la Premio estis transdonita al ili en la Itala Esperanto-Kongreso, okazinta de la 18-a ĝis la 25-a de aŭgusto en Mazaradelvalo, Sicilio.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# Eksciu, ke...

## AŬTUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO EN JEKATERINBURG

La 22-an de septembro en Jekaterinburg, en la Domo de Paco kaj Amikeco, okazis esperantista renkontiĝo, kiun iniciatis E-klubo “Arĝenta flamo” kaj kiu kunvenigis 26 interesitojn el kvar urboj: Tjumenj, Ĉeljabinsk, Surgut kaj Jekaterinburg. Kvankam la renkontiĝo ne estis ia eksterordinara evento, ĝi estis agrabla amika kunveno, kiu, cetere, preskaŭ iĝis tradicia aŭtuna interurba E-aranĝo.

Ĉi-foje ni aŭskultis rakonton pri la 68-a IJK en Hanojo de ĝia partopreninto el Jekaterinburg Sergej Lokis; pri RA-7 ĉe Bajkalo raportis Marina Stepaĉova el Tjumenj; pri FESTO en Francio konigis siajn impresojn eĉ 2 ĝiaj partoprenintoj: Jana Husanova el Jekaterinburg kaj Darja Zelenina el Ĉeljabinsk; estis ankaŭ interesega rakonto de Galina Terentjeva el Ĉeljabinsk pri la 79-a Itala E-kongreso en Sicilio. Ĉiuj vojaĝoj estis vere enviindaj, la fotoj belegaj! La impresoj de la rakontintoj tiom abundis kaj ili mem tiom pasiiĝis remergiĝante en tiun someran, ripozan kaj festan atmosferon, ke foje ni, organizantoj, ne povis kaj ankaŭ ne volis haltigi la senfine daŭran prezentadon.

Post la rakontoj ni devis transiri al la aferoj kaj trakti ankoraŭ kelkajn pripensendajn temojn: novaj E-kursoj por komencantoj en uralaj urboj; KER-ekzameno (ĝia buŝa parto) decembre; la sekva regiona esperantista jarkunveno, jam nun pripensinda. Ĉar la tagordo de la kunveno estis sufiĉe ampleksa, ne ĉion ni sukcesis priparoli ĉi-foje pro la manko de tempo. Ŝajne por ĉiuj estis ĝojiga la novaĵo, ke tjumena teamo anoncis sin preta okazigi EsPrimon-9 sekvaprintempe en Tjumenj, kie en 2007 jam estis unu el niaj EsPrimoj. Des pli, ke en 2013 Tjumena esperantista klubo “Revo” havos 40-jaran jubileon! Tial estus logike, se la ĉefaj rolantoj de EsPrimo-9 estus tjumenaj gekolegoj. Sed ni esperas ankaŭ pri aktiva kunlaboro de ĉiuj uralaj kaj siberiaj esperantistoj.

Ni dankas ĉiujn, kiuj aktive kontribuis por la programo! Ni ricevis grandan plezuron, aŭskultante ĉiujn vojaĝintojn. Kelkajn el tiuj rakontoj, iom kurtigitajn, ni prezentas por tiu ĉi numero de REGo.

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***

## KONGRESA REZOLUCIO

***125-jara, Esperanto konstruas pontojn al pli justa kaj paca mondo***

Kunvenante en Hanojo, Vjetnamio, de la 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto, 2012, pli ol 800 partoprenantoj el 62 landoj en la 97-a Universala Kongreso de Esperanto rekonfirmas la gravecon de lingvo konstruita sur la idealoj de paco, amikeco, kaj reciproka respekto.

Por homoj el ĉiuj landoj kaj vivofonoj, Esperanto proponas praktikan kaj potencan rimedon por rekta kontakto, reciproka interkonatiĝo kaj profunda amikiĝo.

Por mondo kie ankoraŭ abundas konfliktoj kaj maljustaĵoj, Esperanto proponas kulturon de paco, kiun kunkonstruas en egaleca etoso homoj el ĉiuj kontinentoj.

Por internacia komunumo kiu klopodas realigi la Jarmilajn Evoluigajn Celojn de Unuiĝintaj Nacioj, Esperanto proponas kompletigan evoluvojon al tutmonda partnereco, en kiu kunlaboras ne nur ŝtatoj kun ŝtatoj, sed homoj kun homoj.

125 jarojn post sia apero, Esperanto estas ĉiam pli vaste uzata kiel ponto al amikeco, paco, kaj disvolviĝo – evoluo akcelata per la disvastiĝo de alia tutmonda komunikilo, Interreto. Tion oni vidas interalie per la ĉi-jara aldono de Esperanto kiel 64-a lingvo en la ret-tradukilo de Google.

Ni invitas homojn el ĉiuj landoj utiligi kaj kunkonstrui tiun ponton, cele al pli justa kaj paca mondo, kie disfloras ĉiuj lingvoj kaj kulturoj.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## NOVA ESTRARO DE ILEI POR 2012-2015

La elektoj okazis en Kunmingo (Ĉinio) en la 24-a de julio 2012, kun 30 validaj komitatanaj voĉoj. Post fermo de proponoj, estis naŭ kandidatoj. La komitato decidis per voĉdono, ke la estraro konsistu el naŭ personoj, el kiuj tri estas elektitaj por specifaj oficoj. Jen estas la nova estraro:

*Prezidanto:* s-ro Stefan MacGill, Hungario/Nov-Zelando

*Sekretario:* s-ro Radojica Petrović, Serbio

*Estrarano pri financoj:* s-ro Bill Harris, Usono

*Pliaj estraranoj* (taskdivido anoncota): s-ino Gong Xiaofeng (Arko), Ĉinio; s-ro Bharat Ghimire, Nepalo; s-ino Magdalena Feifičova (Fejfi), Slovakio; s-ino Enikő Zengő Sereghy, Hungario; s-ino Penny Vos, Aŭstralio; s-ino Zsófia Kóródy, Germanio/Hungario

Fine de la kunsido, la prezidanto kaj la komitato kore dankis al la malnova estraro pro la farita laboro kaj al la elekto-komisiono pro la modele gvidita elekto-procezo, kaj la komitato bondeziris al la nova teamo.

***Stefan MacGill, Prezidanto (reelektita), ILEI***

## LA UNUA PREMIO DIANA AITAI AL ZHAO WENQI

La ĉina junulo **Zhao Wenqi** fariĝis la unua ricevanto de la Premio Diana Aitai, kiun UEA starigis per donaco de la estona esperantisto Peeter Aitai por omaĝi la memoron de lia filino Diana, kiu forpasis nur 22-jara en tragika akcidento en januaro 2011. La premio celas rekoni kaj kuraĝigi la plej junan aktivan anon de la Internacia Koruso de Universala Kongreso. Diana Aitai mem estis korusano en la UK-oj de Roterdamo (2008) kaj Bjalistoko (2009).

La premio sendube faris por la 22-jara Zhao Wenqi, studento pri filozofio el la urbo Harbin, lian unuan Universalan Kongreson eĉ pli memorinda. Ĝi konsistas el diplomo kaj monsumo 100 eŭroj. Kiel en pluraj antaŭaj UK-oj, ankaŭ en Hanojo la Internacia Koruso estis gvidata de prof. Alan Bishop el Aŭstralio.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## MIA VOJAĜO AL FESTO



Mia vojaĝo al Esperantujo fakte komenciĝis de la vizito en Germanion, kie nun loĝas miaj neesperantistaj amikoj, kiuj invitis min. Al mi tre plaĉis Berlino, kiun ni, preskaŭ la tutan, povis traveturi per bicikloj. Bicikli en Germanio estas ege mojose, estas multaj biciklaj vojoj kaj eĉ en la metroo oni povas kunporti biciklon.

Min tre impresis tio, ke germanoj ŝparas energion kaj ne uzas ĝin, kiam ne estas bezonate. Ekzemple, la porĉoj estas lumigataj nur dum kelkaj minutoj, kaj poste la lumo aŭtomate malŝaltiĝas. En la trajnoj pordoj malfermiĝas nur se oni premas la butonon. Tio plaĉis al mi, oni devas ŝpari energion.

En Berlino al mi tre plaĉis moderna preĝejo, kiu estas griza kaj ne tro interesa ekstere, sed ege bela interne kaj aspektas tute malsame ol kutimaj preĝejoj. Tra multaj kvadrataj fenestretoj oni vidas lumon, kaj tio vere bele aspektas. Sed sur la fotoj ne videblas plene ĝia beleco.

Cetere en Berlino estas multegaj belaj lokoj, sed estas malfacile rakonti pri ĉio interesa.

Post Berlino ni veturis al la urbo Halle. Ĝi estas tute alia, sed ankaŭ plaĉa, ege kvieta kaj trankvila urbo. Tie ni vizitis eĉ du muzeojn, la urban kaj tiun de Beatles.

Bedaŭrinde ni ne sukcesis eniri la planetarion, sed ekstere ĝi aspektas bele kaj havas mojosan sunan horloĝon.

Veturado al FESTO ne estis facila, ĉar daŭris ege longe. Sed ni veturis tra vidindegaj lokoj – multaj vojpasejoj en Alpoj. Rigardante la fotojn ne eblas diskuti pri ilia beleco. Kaj certe ne eblas ne danki mian amikon Lupiron, kiu stiris tiel longe kaj laciĝis multe pli ol mi.

Kiam ni alvenis al la loko, ĝojo pro la renkontiĝo kun geamikoj tamen forigis la lacon. Kaj eĉ restis iom da manĝo por ni. Ni fakte venis al la gastejo tiel subite kaj malfrue, ke ni nur metis nian bagaĝon en la ĉambron, iris manĝi kaj poste tuj al la interkona vespero.

FESTO estas populara somera internacia esperantista renkontiĝo en Francio kun ripoza, turisma kaj muzikfestivala programoj, ĉiujare diversloke organizata de JEFO – Junulara Esperantista Franca Organizo.

Dum la interkona vespero ni finfine eksciis la tutan programon de FESTO. Ĉio estis ege strikte planita, kaj ni ne havis eĉ unu liberan horon! (ŝerco, sed...) Fakte estis tiel, kvankam vere nur koncertoj kaj ekskursoj estis planitaj. Ni mem povis aldoni ion al la programo kaj neniam enuis. Ni kelkfoje iris (ege longe!) kaj veturis

(multe pli rapide) al lago, kie estis belaj cignoj, anasoj kaj stranga sablo.

Ni organizis dufoje aligatorejon, kaj dua aligatorejo estis amuzega dank' al Daŝa Zelenina el Ĉeljabinsk. En la gastejo ni povis ludi tablopilkon (kiu estis fakte fuŝe farita) kaj normale faritan badmintonon. Certe krom ĉio estis granda plezuro konatiĝi kun novaj homoj, trovi novajn amikojn. Do vere ne eblis havi tempon por dormi, la tutan FESTOn ni festis...

Dum FESTO okazis multaj koncertoj. Regeo de Zhou Mack Mafuilla estis tre bona, ni multege dancis. Sekvan tagon ni ĝuis bonegan muzikon de Espo Despo kaj poste pezan rokon de la franca grupo Stoïc Drama.

La 20-an de aŭgusto nin dancigis Dolĉamar. Kaj certe ne eblas ne mencii la plej atenditan de mi Jonny M. Li kantis multajn novajn kantojn, kiuj impresis per vortoj, pozitiveco kaj pacemo.

Sekvajn koncertojn mi fakte ne ĉeestis, ĉar promeni en la nokta Metabief estis ege bele, ĉarme kaj romantike.

Unufoje ni vojaĝis per malnova vaportrajno al iu stranga akvo. Oni diris ke ĉiujn 12 minutojn en la akvo io okazas, sed okazis nenio. Naive geesperantistoj laŭ sia inklino esperis pri io neordinara, sed la akvo nur iomete gluglis. Tamen estis interese veturi per tiel malnova trajno, ni povis senti nin homoj de alia jarcento.

Krome dum FESTO estis ekskurso al Laŭzano. Sed ni ne veturis kun la tuta grupo, ĉar mia E-amiko Leo proponis veturigi nin per sia aŭto, kaj ni promenis tra Laŭzano kvinope: mi, Lena, André, Leo kaj Julia. Dufoje ni eĉ renkontis alian promenantan esperantistan grupon. La lago en Laŭzano estas ege bela, ni tagmanĝis tie kaj tagmanĝigis paserojn. La urbo mem estas ankaŭ bela sed multekosta. Bonŝance dum FESTO ni loĝis en Francio, sed ne en Svislando...

En FESTO estis ege bona gufujo. Ni sidis ĉe la fajro, babilis, iuj muzikis per "kalimba", kaj ni havis lumantajn ringojn (dank' al Andi) kaj ĝuis la belegan stelan ĉielon. Revenante al la gastejo ni aŭdis sonoriletojn de bovinoj.

En la gastejo ni ĉiam havis bongustegajn manĝaĵojn, kaj mirinde, iam ili estis tajlandaj. Tion rimarkis André, kiu foje subite ekbabilis kun kuiristo tajlingve, kaj tiu rakontis, ke li studis la kuirarton en Tajlando. Kaj la tajlandaj kaj la francaj manĝaĵoj estis bongustaj. Krom tio ni miris pro ege malgranda matenmanĝo: ni havis nur kafon/teon/lakton kaj panon kun marmelado. Malĝojinte pri tio ni, mi kaj André, aĉetis maizflokojn kaj ĉiutage ĝuis pri pli granda matenmanĝo. Kaj mi miris pri tio, ke la francoj



ĉiam trinkas akvon. Tagmanĝe kaj vespermanĝe ni trinkis nur ĝin. Kaj ĉiam ni havis diversajn fromaĝojn.



Entute mi ege ĝojis partopreni FESTO-n, neimageble ĝojis. Al mi mankas nun multaj personoj, kaj mi esperas, ke ni renkontiĝos sekvasomere. Kaj mi pensas ke tia libera programo mojosas! Kaj certe estis plezuro ĉiutage aŭskulti bonan Esperantan muzikon kaj aĉeti KD-ojn. Mi opinias ke ĉiu muzikema kaj dancema esperantisto devegas veturi al FESTO, mi veturus tien denove.

Revenante hejmen mi ne povis imagi kiel mi kapablos denove paroli kaj pensi ruse, kiel mi povos ne vidi ĉiujn FEST-anojn. Sed al kelkaj mi povis ne tuj adiaŭi, ĉar mi forveturis kun Wolfgang kaj krom ni en la aŭto estis André kaj Ŝaci. Estis ege malmulte da spaco, sed mi dormis la tutan veturadon kaj verŝajne lacis malpli ol ĉiuj. Matene Wolfgang veturigis nin ĝis la stacidomo en Buchloe kaj mi, Lena kaj André pluveturis al München. Estis mojose ekvidi ankoraŭ unu urbon. Komence, ĉirkaŭ la stacidomo München aspektis ne tro bele, sed kiam ni atingis la urbocentron, ni ekvidis vere belan arĥitekturon. Ni vidis belajn domojn, fontanojn, stratojn kaj parkon. Malfeliĉe, vespere ni devis forflugi, sed ni sidis ĝis la lasta momento por trapasi pasportkontrolon en flughaveno kaj babilis pri ĉio. Kaj krom ĉio ni neatendite ricevis lokojn de la unua klaso, kaj eĉ ne devis krompagi, tial en la aviadilo mi komforte ekdormis pensante pri la bonega vojaĝo kaj novaj geamikoj.

***Jana Husanova (Jekaterinburg)***

## AŬTUNE EN GREZILJONO

Komuna feriado por infanoj, familioj, geavoj okazos en oktobro – novembro 2012, en la fama kastelo Greziljono, franca Kulturdomo de Esperanto. Kursoj, koncertoj, muzikado, mantro, promenado, ludoj kaj aliaj aktivaĵoj laŭ via elekto. Specialaj gastoj: Svetlana Smetanina el Moskvo kaj Kees Ruig el Nederlando. Detalaj informoj en la reto: <www.gresillon.org/autune>; kontakto: <kastelo@gresillon.org>, tel. 0033-241891034. Adreso: Maison Culturelle de l' Espéranto, Grésillon, F-49150 St. Martin d' Arcé.

***Bert Schumann (Francio)***



## DU NOVAJ HONORAJ MEMBROJ DE UEA

En la inaŭguro de la 97-a UK en Hanojo estis anoncita la decido de la Komitato de UEA pri la elekto de Hori Jasuo el Japanio kaj Georgo Nanovfszky el Hungario kiel Honoraj Membroj de UEA. Jen iliaj biografietoj.



**HORI Jasuo** naskiĝis en 1941. Li diplomiĝis en la Ŝtata Universitato de Kioto en 1965, laboris kiel instruisto de la angla lingvo kaj emeritiĝis en 2005. Esperantisto ekde 1960, li estas membro de Japana Esperanto-Instituto kaj ekde 2005 ĝia vicprezidanto. Li estis ĉefredaktoro de la organo de JEI, *La Revuo Orienta*, de 1995 ĝis 2008, kaj plu estas redakciano. De 2001 ĝis 2008 li estis prezidanto de la Komisiono pri la Azia Esperanto-Movado, kies bultenon *Esperanto en Azio* li redaktas ekde 2001. En LKK de la 92-a UK en Jokohamo (2007) li respondecis pri la gazetara servo. De 2007 ĝis 2010 li estis estrarano de UEA pri landa kaj regiona agado. Ekde 1996 Hori estas loka delegito de UEA kaj fakdelegito pri edukado. Li multe vojaĝis en Azio por instrui Esperanton kaj helpi lokajn klubojn.

En 2011 Hori ricevis la Premion Onisaburo Deguĉi pro la diskonigado de la japana kulturo per prelegoj, artikoloj kaj libroj, inter kiuj elstaras la libroserio *Raportoj el Japanio*, en kiu aperis jam 14 volumoj ekde 1997. En 2004 li ricevis la Premion Ossaka de JEI. Li ankaŭ multe raportis en Interreto pri la vivo post la tertremo, cunamo kaj atomcentrala katastrofo en Japanio en marto 2011. Pri tiu temo li publikigis ankaŭ la libron *Tertrema katastrofo de Japanio 2011*. En 2009 kaj 2011 li ricevis la unuan premion en la literatura konkurso de JEI.



**György (Georgo) NANOVFSZKY** naskiĝis en 1942 kaj lernis Esperanton en kursoj de Julio Baghy kaj Alfonz Pechan. Ekzameniĝis pri lingva kapableco en 1958. Ekde tiam li aktivas movade kaj publikigas verkojn, artikolojn kaj tradukojn. Li estis prezidanto de Studenta E-Klubo en Budapeŝto 1958-1960 kaj kunorganizanto de la 51-a IFEF-kongreso en 1962 en Budapeŝto. De 1963 ĝis 1968 li aktivis en la Moskva E-klubo "Fajrero", vizitante la renaskiĝintajn klubojn en Siberio, Kaŭkazio, Leningrado kaj Irkutsk. Nanovfszky doktoriĝis pri ĝenerala lingvistiko en la Budapeŝta Universitato ELTE en 1973. Li estis funkciulo de UNCTAD en Ĝenevo 1982-85, ankaŭ reprezentante UEA ĉe UN en Ĝenevo. De 1983 ĝis 1988 li estis ĉefredaktoro de la revuo *Planlingvistiko*.

Kiel hungara ambasadoro en Moskvo 1992-98 Nanovfszky helpis reaktivigi la movadon en Moskvo kaj tutlande. Li estis profesoro de la Eŭropa jurscienca universitato JUSTO en Moskvo 1994-2011. En 1996 li doktoriĝis pri politologio en la Rusia Akademio de Sciencoj. Membro kaj profesoro de AIS li estas ekde 1998. De

1998 ĝis 2006 li estis prezidanto de Hungaria Esperanto-Asocio kaj komitatano A ĉe UEA. Kiel ambasadoro en Singapuro 2002-2005 li aktivigis lokajn esperantistojn organizante regulajn renkontiĝojn. Ekde 2007 li estas honora prezidanto de HEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PREMIOJ DE FONDAĴO ANTONI GRABOWSKI

Fondaĵo Antoni Grabowski (FAG), starigita antaŭ pli ol dudek jaroj dank' al donaco de s-ro Adam Goralski, celas subteni la Esperantan kulturon. Ĝi aljuĝas premiojn kaj subvenciojn meze ĉiun duan aŭ trian jaron. En la Hanoja UK estis anoncitaj la ĉi-jaraj premioj.

Premion de 650 usonaj dolaroj ricevis la elstara figuro de la Esperanta kulturo, specife beletro, la nederlanda intelektulo **Gerrit Berveling**. Jen la pravigo de la komisiono de FAG, kiu konsistas el Ulrich Lins, István Ertl kaj Shi Chengtai:

– Impone sonas eĉ simpla listigo de la postenoj de Gerrit Berveling en Esperantujo: prezidanto de la landa Esperanto-asocio en Nederlando, membro de la Akademio, redaktoro de la literatura revuo *Fonto* kaj de la rubriko "Spirita vivo" en *Monato*. Sed vere timige estas konsideri la amplekson de lia verkaro originala kaj beletra: ĉe la Libroservo de UEA haveblas 17 titoloj liaj kiel de aŭtoro kaj 51 kiel de tradukisto. Ĉe la aŭtoro Berveling vicas abunda manpleno da poemaroj; studoj beletraj, bibliaj, religiaj; la romano *Fadenoj de l' amo*; skizoj el lia vivo de pastoro, pluraj kajeroj da rememoroj, vojaĝimpresoj... Kiel tradukisto, li plugis ĉiujn kampojn klasikajn, hebrean, helenan, kaj precipe la latinan, ekde Cicerono, Horacio, Katulo kaj Marcialo ĝis Johano Hus kaj Erasmo de Roterdamo. Eble plej imponas lia grandioza projekto, ekzistanta en neniu alia lingvo, multvoluma *Antologio Latina*, kiu prezentas verkojn latinlingvajn ekde la komenco ĝis la nuntempo. La premio de Fondaĵo Antoni Grabowski rekompencas kleron kaj diligenton, arton kaj fekundon en la persono de Gerrit Berveling.

Premion je la sumo de 500 usonaj dolaroj ricevis la Esperanto-arango **ARKONES**. La komisiono pravigis sian elekton jene:

– Ĝis nun la subteno de FAG koncentriĝis al individuoj kaj institucioj. Ĉi-jare unu el la du premioj iras unuafoje al renkontiĝo, kultura aranĝo, kiu iusence jam iĝis "institucio", kreante tradicion kaj allogante lojalan, engaĝitan partoprenantaron: ARtaj KONfrontoj en ESperanto (Arkones) en Poznano, Pollando. Ĝi estis iniciatita de artemaj kaj lingvemaj polaj (eks)studentoj en 1985, kiam ankoraŭ regis komunisma reĝimo. Tra la jaroj la aranĝo kreskis kaj internaciiĝis; ĝi celas publikon ne nur junularan, sed plue estas ĉefe organizata de gejunuloj. La aranĝo vivas pro la laboro de volontuloj. En Arkones, kiun aŭspicias UEA kaj TEJO, nun kutime partoprenas pli ol 200 homoj el pli ol 20 landoj. Notindas, ke ĝi estas tempe kaj organize ligita al la studprogramo "Interlingvistikaj studoj" de Universitato de Adam Mickiewicz en Poznano. Ne estas mirige, ke ĝi apartenas al la plej viglaj kaj popularaj manifestacioj de la Esperanta kulturo. Tion FAG celas rekoni.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA HARBINAJ STUDENTOJ ESPERANTLINGVE EKKONAS RUSAN KULTURON...

En REGo № 3-4 (70-71) Aleksandr Titajev informis pri la vizito de Vladivostokaj esperantistoj al la ĉina urbo Harbin en majo 2012. La 16-18-an de aŭgusto 2012 okazis respondvizito de Harbinaj esperantistoj. La delegacio el 12 personoj duonparte konsistis el studentoj de Hejlongĝianga Scienc-teknika instituto gvide de profesorino Song Ping, kiu instruas anglan lingvon kaj Esperanton en sia instituto. La aliaj reprezentis la najbaran provincon Czilinj kaj aliajn provincojn.



La ĉinaj gastoj konatiĝis kun vidindaĵoj de Vladivostoko kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, eksciis pri evoluperspektivoj de la urbo kaj regiono, partoprenis la komunan kunvenon de rusaj kaj ĉinaj samideanoj. Estis eldirita deziro daŭrigi komunajn renkontiĝojn kiel en Harbin (maje), tiel en Vladivostok (julie), kaj estus dezirinde inviti al tiuj renkontiĝoj esperantistojn de aliaj regionoj de Ĉinio kaj Rusio, precipe junularon.

***Aleksandr Titajev (Vladivostok)***

## 10-a HIMALAJA RENKONTIGO

***Konigi la mondon al Nepalo, kaj Nepalon al la mondo per Esperanto***

Nepala Esperanto-Asocio ĝojas anonci la 13-tagan Internacian Himalajan Renkontiĝon 2013 por konigi sian landon al alilandaj esperantistoj. Apenaŭ ekzistas iu lando en la mondo, kiu povus rangi samnivele kun Nepalo rilate al natura, etna kaj kultura diverseco. Partoprenante la Renkontiĝon, vi havos ŝancon formi vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝi kun lokaj kaj alilokaj esperantistoj kiuj partoprenos la samajn programerojn. Ni bonvenigas ankaŭ homojn kiuj volas komenci lerni Esperanton dum la Renkontiĝo.

La programo estas planita por taŭgi al ĉiuj aĝgrupoj. Dum la restado vi loĝos en bonkvalita hotelo en Katmanduo kaj en komfortaj gastejoj aŭ tendoj dum la piedvojaĝo. Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la Renkontiĝo en Katmandua valo, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. La ĉefa parto de la Renkontiĝo estos busvojaĝo al la valo kaj piedvojaĝo en la regiono je preskaŭ 600 kilometroj nordoriente kaj oriente de ĝi. Dum la marŝado vi trapasos multajn lokojn plenajn de vidindaĵoj, inkluzive Basantapur, Gufa Pokhari, Sangu, Pativara kaj Ilam. Ĉe la horizonto estos mondfamaj montirceloj de Nepalo, kreantaj majestajn vidojn de Himalajo.

La piedvojo inter Basantapur kaj Gufa Pokhari pasas plejparte tra neloĝata ro-

dodendro-arbaro. Tiu ĉi loko estas rekonata kiel la “rododendro-ĉefurbo”. La tereno tie estas kovrita de arbaro kaj punktita de diversaj sovaĝaj floroj, inter aliaj 32 malsamaj specioj de rododendro, la nacia floro de Nepalo. Vi ankaŭ ĝuos vidojn de nigraj simioj, cervoj, moskuloj ktp kaj diversaj specioj (pli ol 250) de montaraj birdoj. Vi povos observi la vivon kaj kulturon de etnaj popoloj: la Limbu-oj, Rai-oj kaj Tamang-oj. Tiuj ĉi etnoj, oni opinias, devenis de Mongolio kaj Tibeto, kaj ili estas konataj kiel senafektaj kaj honestaj. Plejparte ili estas tradicie terkultivistoj kaj bredistoj. Ili havas distingajn lingvojn, domstilojn, vestojn, ornamojn kaj kutimojn, kaj estas aparte famaj pro siaj ravaj dancoj kaj muziko. La plimulto da ili vivas sur altaj deklivoj sude aŭ okcidente de la riveroj Arun kaj Tambar. La vivo de tiuj montpopoloj estas modesta, ĉar laboro sur la deklivoj estas penega.

Pativara estas fama templo de bestoforma diino, adorata kaj de hinduoj kaj de budhanoj. Ĝi situas je 3794 metroj super la marnivelo. La grandegaj montoj Kanchenjunga kaj Kumbhakarna estas bone videblaj de tie. En la sekva tago ni per buso vojaĝos al Ilam kaj Fikla, kiuj ambaŭ estas famaj pro teoĝardenoj. Post tranokto ni veturos pluen al Itahari, urbo kie loĝas multaj esperantistoj, gastigontaj nin en siaj propraj domoj.

La kotizo estas 700 eŭroj por unu persono. La kotizo inkluzivas manĝojn kaj loĝadon dum la tuta programperiodo. La programeroj ŝanĝeblas pro neatenditaj kialoj. Bv. sendi la aliĝilon al Nepala Esperanto-Asocio kaj samtempe pagi la kotizon. *Nepala Esperanto-Asocio, G.P.O Box: 10518 Kathmandu, Nepal. Telefono: 00977-1-6209877. Rete: <nespa.1990@gmail.com>, <luno1962@gmail.com>.*

***(landa agado)***

## ESPERANTO-STANDO EN MOSKVA BIBLIOTEKO

Antaŭnelonge moskva biblioteko № 175 (str. Novoĉerjomuŝkinskaja 4 – 2) ekipis per Esperanto-periodaĵoj standon, dediĉitan al la 125-jariĝo de Esperanto. La ekspozicio funkcios ĝis fino de la jaro. Marte ĉi tie jam pasis aranĝo “Interparolo pri Esperanto” kun prezento de Esperanto-libroj, periodaĵoj kaj eĉ videofilmoj. Sen duboj bibliotekoj estas oportunaj por propagando kaj disvastigo de la internacia lingvo.




***Ergard Budagjan***
***(Moskvo)***




## PRI LA 79-a ESPERANTO-KONGRESO EN ITALIO KAJ NE NUR

De la 18.08.12 ĝis la 25.08.12 en Mazara-del-Valo (Sicilio) okazis la 79-a Itala Esperanto-Kongreso. La numero de la Esperanto-Kongreso tuj kaŭzas la respekton al sia grandeco. En Rusio la numero de lasta Esperanto-Kongreso estas ankoraŭ malpli ol 30, malgraŭ ke Esperanto naskiĝis sur la teritorio de Rusa Imperio. Certe, ni memoras pri tempo de militoj kaj pri stalinismo, kiam Esperanto estis danĝera, sed, egale, italaj esperantistoj demonstras enviindan aktivecon. Dankon!

La nomo de la urbo, kie okazis la Kongreso, ŝajnas malklare konata – kie mi povis aŭdi ion similan? Jes! Certe! En la romano de A.Duma "Dudek jarojn poste", kiun ni ĉiuj iam legis kaj relegis, ni ofte renkontis kardinalon Mazarini. Ĉu kardinalo Mazarini naskiĝis en la urbo Mazara? Laŭ historiaj donitaĵoj – ne, li naskiĝis apud Parizo, sed lia patro estis sicilia nobelo. Pro tio oni povas supozi, ke radikoj de kardinalo Mazarini troviĝas en la fama urbo Mazara.

La Esperanto-Kongreso kaptis min per sia brilanta torento de koncertoj, prelegoj, ekskursoj, lecionoj, renkontoj ktp, kaj mi bedaŭras, ke donis malmultan atenton al la urbo Mazara. Ĝuste ĉi tie, en Sicilio, centre de Mediteraneo, dum multaj jarcentoj kaj jarmiloj interkruciĝis la vojoj de multnombraj navigistoj, kiuj, propradezire aŭ laŭ deziro de siaj mastroj, riskis kaj rezulte, aŭ mortis aŭ konkeris novajn terojn. Indiĝenaj loĝantoj sikuloj kaj sikunoj, kiuj donis sian nomon al la insulo, anstataŭiĝis per grekoj, araboj, romianoj, normanoj. Ĉiuj volis uzi oportunan naturan havenon, kreitan de la enfluo de la rivero Mazara en la Mediteraneon. Kaj ĉiuj lasis sian spuron en la kulturo de la insulo Sicilio. En la urbo Mazara oni povas



*sur la insulo Favignana post la ekskurso (T.Pautova kaj E.Maliŝeva el Rusio kun Miomirka Kovacevic el Serbio)*

vidi tion.

Simbolo de Mazara estas konservita parto de ruinoj de la mezepoka Normana Kastelo. Ĝi estis konstruita por liberigo kaj protekto de araboj, kiuj en la 9-a jc. konkeris la urbon.




Arkitekturo de la antikva parto de la urbo estas belega. Unu el la plej mirindaj preĝejoj estas la preĝejo de Sankta Veneranda, 17-a jc. Laŭ broŝuro de Giovanna Mauro pri Mazaradelvalo, kiu estis presita por la 79-a Esperanto-Kongreso, ĝia "barok-stila fasado dividiĝas je la du partoj, ambaŭ finantaj per sonorilejoj kun pagod-aspektaj tegmentoj. La karakteriza elemento de la fasado estas ankaŭ la longa fera balkona koridoro, forĝita laŭ formo de ansera brusto". Nun en la ĉambroj, kunligitaj al ĝi, troviĝas la urba biblioteko kun moderna pentraĵo-galerio.

Centre de la ĉefa placo de la urbo – placo Respubliko – en 1775 oni starigis la statuon de Sankta Vito, kio atestas la profundan kulton de la urbo Mazara por ĝia Protektanto Sanktulo. La festo, dediĉita al Sankta Vito, okazas ĉiujare en aŭgusto dum plena semajno. Kun helpo de urbanoj Sanktulo forlasas la Katedralon kaj kuniĝas kun la procesio, kiu akompanas lin ĝis la marbordo. En la sama broŝuro pri Mazaradelvalo oni povas legi, ke "centra kerno de la festo estas la historia procesio de vivantaj bildoj, kiuj reelvokas la vivon de la Sanktulo. La eventoj finiĝas per la enŝipigo de la Sanktulo en fiŝkaptan boaton, feste ornamita, por la beno al la maro kaj la ĵeto de flora krono, memore al maristoj, mortintaj dum sia peza laboro. Ege spektinda estas la nokta procesio".

Miksaĝo de arkiteturaj stiloj, kulturoj kaj popoloj – tio estas bona tero por Esperanto. Sur la ĉefa placo de la urbo ni ankaŭ povas vidi la plakaton pri la 79-a Esperanto-Kongreso.




*Partoprenantoj de la 79-a Esperanto-Kongreso en Mazara del Valo en Sicilio. Malfermo de la Kongreso okazis en bela preĝejo de Karmine, kiu estis konstruita dum la dua duono de la deksesa jarcento. Nuntempe tie estas sidejoj de la Urbodomo kaj la Salono de la Urba Konsilio.*



La temo de la 79-a Esperanto-Kongreso estis la vortoj de Zamenhof “Sed homoj kun homoj”. Fakte, Zamenhof diris pri tio, ke per Esperanto renkontiĝas ne francoj kun angloj aŭ rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj. Tia intuicio, ke Esperanto estas ne nur lingvo, sed ilo por igi ĉiujn homojn egalaj, estas tre aktuala nun.

Dum la Kongreso prezentiĝis Katalin Kovats, konata hungara matematikistino kaj lingvistino. Ŝi aktive laboras por la plibonigo de Esperanta instruado. Ĉiuj povis ekzameniĝi en sia nivelo de Esperanto. Du rusoj kaj kelkaj alilandaj esperantistoj faris tion.

Mi tre ŝatas, ke renkontis miajn gekonatojn: Eugeniusz Rybarczyk el Danio, Yukka kaj Eeva Nikoskelainen kaj Sirkka Mattlin el Finnlando, Hazel kaj Paul Green el Aŭstralio, Monique Arnaud el Francio, Marko Menichetti el Italio kaj aliaj. Mi konatiĝis kun novaj por mi interesaj homoj, ekzemple Aleksandro Melnikov el Rusio kaj Miomirka Kovacevic el Serbio. Bedaŭrinde, ni ne havas tempon por plia komunikado, nur renkonto, kelkaj vortoj kaj fino, venas tempo por vica interesa evento – ekskurso, prelego ktp. Verŝajne antikvaj homoj ankaŭ suferis pro manko de tempo kaj bedaŭris, ke tempo kuras tro rapide. En la foto vi povas vidi la simbolon de Sicilio – Trinakria. Tiel nomis la insulon antikvaj grekoj pro ĝia triangula formo kun 3 kaboj: sude, oriente kaj okcidente. Ĝi havas centre signon de kuranta tempo, triskelionon. Triskeliono estas signo kun 3 piedoj kaj kapo de Meduzo Gorgono centre, kiuj simbolas kuron de la tempo. Kiel rapide ĝi kuras! Meduzo devas protekti la insulon kontraŭ malamikoj.

Mi reveturis hejmen kun granda deziro denove viziti tiun gastaman teron – Sicilion. Dankon al italaj esperantistoj, kiuj tiel bone akceptis nin, tiel oportune loĝigis, tiel bonguste nutris, interese sciigis al ni sian historion kaj artojn, kaj, simple, estas bonaj amikoj!

***Jekaterina Maliŝeva (Sankt-Peterburg)***

## HARRY HARRISON FORPASIS

HARRY HARRISON
12 MARCH 1925 - 15 AUGUST 2012
AD ASTRA

La renoma verkisto **Harry Harrison** forpasis la 15-an de aŭgusto en Crowborough (Anglio). Li naskiĝis la 12-an de marto 1925 en Stamford (Konektikuto, Usono). Harrison lernis Esperanton en sia junaĝo kaj estis membro de UEA jam ekde 1945. En 1985 li estis elektita al la Honora Patrona Komitato de UEA. Li estis ankaŭ honora prezidanto de Esperanto-Asocio de Irlando kaj honora membro de la usona landa asocio Esperanto-Ligo de Norda Ameriko (nun Esperanto-USA).

Harrison famiĝis pro siaj sciencfikciaj romanoj, en kiuj ofte aperas mencioj pri Esperanto kiel lingvo de la estonta mondo kaj ankaŭ specimenaj tekstoj en Esperanto, kvankam ne ĉiam en fundamenta formo. La plej fama parto de lia verkaro estas la serio pri la "Rustimuna Ŝtalrato". Unu libro de la serio, *La naskiĝo de la Rustimuna Ŝtalrato*, aperis en Esperanta traduko en 1996 ĉe Sezonoj kaj estas nun senpage elŝutebla. Jam pli frue Sezonoj eldonis lian novelon *La stratoj de Aŝkelono* (1994). La unua Esperanta traduko de verko de Harrison estis *La verda estonteco*, sciencfikcia novelo pri Irlando, kiu aperis ĉe Esperanto-Asocio de Irlando en 1984. En 2001 Impeto eldonis tradukon de lia romano *La kaptita universo*, kiu, voĉlegita de la tradukinto Andrej Grigorjevskij, en 2004 aperis ankaŭ sur kompakta disko.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## VJETNAMA KLASIKAĴO EN LA SERIO "ORIENTO-OKCIDENTO"

En la 97-a UK en Hanojo okazis la publika lanĉo de la Esperanta traduko de *Rakonto pri Kjeŭ*, granda epika poemo de Nguyen Du (1766-1820), kiu aperis kiel numero 48 en la Serio "Oriento-Okcidento" de UEA. *Rakonto pri Kjeŭ* estas konsiderata la plej grava verko de la vjetnama literaturo. En 3254 versoj ĝi rakontas pri la vivo de la bela kaj talenta junulino Thúy Kiều. Ŝi estas enamiĝinta al Trọng Kim, sed ŝi devas oferi sian amon kaj sin mem por savi siajn patron kaj pli junan fraton el malliberejo. Por tio ŝi edziniĝas al fripono, kiu devigas ŝin prostituiĝi. Post multaj suferplenaj jaroj ŝi fine rekuniĝas kun sia vera amato, kiu intertempe

estis edziĝinta al ŝia fratino.

La Esperanta versio, eldonita de The Gioi, estas rezulto de internacia kunlaboro. Ĝi estis tradukita de Le Cao Phan, en kies tradukoj la verko pli frue aperis ankaŭ en la angla kaj franca lingvoj. Lia traduko estis finpolurita de Baldur Ragnarsson, Renato Corsetti, Keyhan Sayadpour kaj Gerrit Berveling. En la vjetnama flanko al la realigo de la eldono diversmaniere kontribuis Nguyen Thi Ngoc Lan, Nguyen Thi Phuong Mai, Nguyen Xuan Thu kaj Vuong Quoc Cuong.

La Esperanta eldono havas antaŭparolojn de Probal Dasgupta, Nguyen Van Loi kaj Le Nhien, respektive la prezidantoj de UEA, Vjetnama Esperanto-Asocio kaj Esperanto-Asocio de Ho-Chi-Minh-Urbo. Antaŭparolon verkis ankaŭ la tradukinto Le Cao Phan kaj Renato Corsetti, kiu kunordigis la laboron de la internacia teamo. Apartaj tekstoj informas pri la poeto Nguyen Du kaj pri la fono kaj specifaĵoj de la verko mem.

La bele bindita libro havas entute 248 paĝojn kaj aperis en 1000 ekzempleroj. Ĝia prezo ĉe la Libroservo de UEA estas 18,00 eŭroj (plus sendokostoj kaj, por klientoj el EU, imposto 6%).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## FORPASIS DONALD BROADRIBB (1933-2012)

Honora Membro de UEA, d-ro Donald Broadribb forpasis la 13-an de oktobro. Li naskiĝis en Usono, sed ekde 1974 vivis en Aŭstralio. Broadribb studis filozofion, teologion kaj lingvistikon en Usono kaj Aŭstralio kaj psikanalizon en Svislando. Li esperantistiĝis en 1946 kaj membriĝis en UEA en 1950. Li redaktis plurajn Esperanto-gazetojn: *Kristana Bulteno* en Usono en la 50-aj jaroj, *Nord-Amerika Esperanto-Revuo* (1959-62), *Biblia Revuo* (1964-72), *La Nigra Cigno* (bulteno de Esperanto-Ligo de Okcidenta Aŭstralio, 1980-88) kaj *Esperanto sub la Suda Kruco* (1989-2008). En 2008 li fondis la retrevuon *Mirmekobo*, de kiu ĝis oktobro 2012 aperis 21 numeroj. Kun G.Rust li kompilis *Terminaron de bibliaj studoj* (1973). En 1967 li kunfondis ĉirkaŭ *Biblia Revuo* Internacian Asocion de Bibliistoj kaj Orientalisto!

Broadribb estis grava tradukisto. Krom du verkoj de Platono, *La respubliko* kaj *Kratilo* (la unua el kiuj gajnis la OSIEK-premion en 1995), li esperantigis *Alico en mirlando* kaj *Trans la spegulo* de L.Carroll, *La mirinda sorĉisto de Oz* de L.Frank Baum, *Eposoj el Antikva Ugarito*, *Mil naŭcent okdek kvar* de G.Orwell kaj plurajn tekstojn el la Mortmaraj rulaĵoj *Qumran*. Amaso da artikoloj kaj tradukaĵoj el lia plumo aperis en diversaj Esperanto-gazetoj ekde 1948. Li kontribuis per tradukoj ankaŭ al *Aŭstralia antologio* (1988). Broadribb estis membro de la Akademio de Esperanto (1972-81 kaj 1992-2001) kaj juĝanto pri prozaĵoj ĉe la Belartaj Konkursoj de UEA (ekde 1995). Rekone pro liaj meritoj Aŭstralia Esperanto-Asocio donis al li la titolon de Fratulo en 1996. En la 82-a UK en Adelajdo en 1997 li estis nomumita Honora Membro de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# *Jurij Kovalj*

## Tabla laktolo



Aŭtune, fine de oktobro, al nia vendejo oni liveris tablan laktolon. La vendisto Petro Maksimiĉ, kiam ricevis la varon, tuj serurigis la vendejon, kaj tra la fendoj inter la ŝutroj ne eblis vidi, kion li tie umas.

– Li la tablan laktolon, verŝajne, mezuras, – rezonis la onklo Zuj, eksidinte sur la ŝtupeto. – Li komence ĝin laŭ tut-longo mezuros, kiom da metroj-centimetroj ĝi havas, kaj poste jam ekvendos... Haltu, kien vi, Mironiĥa, traŝoviĝas? Mi staras la unua.

– Kiu estas la unua? – ekindignis Mironiĥa, ŝovante sin senpere ĉe la pordon. – Ĉu vi estas la unua? Mi tri horojn ĉe la vendejo staradas, ambaŭ plandojn supertretis! Li estas la unua! Forgrimpu de ĉi tie!

– Kion? – ne cedis la onklo Zuj. – Kion vi diris? Ripetu!

– Ho, ĉu vi vidis la unuan? – ripetadis Mironiĥa. – Do forgrimpu de ĉi tie, l' unua!

– Nu, bone, estu mi la dua! Mi estu la dua, mi konsentas.

– Pri kio vi, paĉjeto, – diris l' onklino Ksenja, – post Mironiĥa mi vicas.

– Oh, nu, kiaj vi, – ĉagreniĝis la onklo Zuj, – lasu min esti almenaŭ la tria!

Tamen ankaŭ esti la tria oni lin ne lasis, necesis viciĝi la lasta, post Kolĉjo Droĵdev.

– Aŭdu, Koĉjo Droĵdev, – demandis l' onklo Zuj, – ĉu vi ne vidis, kia estas la laktolo? Kio estas sur ĝi desegnita: beretoj aŭ floretoj?

– Eble beretoj, – medite diris Koĉjo Droĵdev, la meĥanizisto, – sed mi ne vidis.

– Bonus, se beretoj. Ĉu vere, Kolĉjo?

– Dependas, kiaj beretoj, – morne diris Koĉjo Droĵdev, – se mirteletoj aŭ vakcinietoj – estus bone. Sed se desegnis oni mezereon – jen estos bereto!

– Necesus kun floretoj, – diris l' aĝulino Ksenja, – por ke beleco sur la tablo estu.

Ĉe tio ĉiuj virinoj, kiuj staris sur la perono, eksuspiris, dezirante, ke la laktolo surhavu floretojn.

– Aŭ ekzistas laktoloj kun fungoj, – denove morne diris Koĉjo Droĵdev, – kaj krome: kiun fungon oni desegnos? Laktario aŭ mielagariko – estus bone, sed ja oni povas desegni rusulojn – rigardi aĉas.

– Mi eĉ kun rusuloj prenos, – diris Mironiĥa, – estas nenio por kovri tablon.

Finfine la pordo de la vendejo ekbruegis elinterne – la vendisto Petro Maksimiĉ estis demetanta enajn riglilojn.

Kaj en la vendejo estis malhele kaj malvarme. Ĉe la eniro staris barelo kun haringoj, arĝente lumantaj elene. Super ĝi, kiel krudferaj ringaj bulkoj, pendis de la plafono seruroj. Malantaŭ la vendotablo sur la supraj bretoj malserene brilis vazoj kun fremdlandaj kompotoj, kaj sur la subaj, unulinie, staris aliaj vazoj, duonlitraj, plenigitaj je buntkoloraj bombonoj. Ĉe malhela lumo tofeetoj, kusenformaj karameletoj kaj kandoj lumetis malantaŭ la vitro mistere, kiel gemoj.

En la vendejo odoris tabla laktolo. La odor' de la haringo, de la makaronioj, de la oleo estis tute sufokita. Odoris nun seka gluo kaj freŝa farbo. La laktolo kuŝis meze de la vendotablo, kaj, kvankam ĝi estis volvita, la randa fronto estis malkovrita por rigardoj kaj brilis hele, kvazaŭ ĉielpeco, ekvidita el la puta fundo.

– Ho, kia! – diris la aĝulino Ksenja. – Ĉielkolora!

Kaj aliaj virinoj silentiĝis kaj nur amasiĝis ĉe la vendotablo, fiksrigardante al la laktolo. L' onklo Zuj iris ĝis la barelo kun haringoj kaj ĉi tie haltis, kvazaŭ li timis ĝisiri la laktolon.

– Blindigas! – diris li defore. – Aŭdu, Kolĉjo Droĵdev, ĝi la okulojn blindigas! Ĉu vi kredas aŭ ne?

Kaj la onklo Zuj intence fermetis la okulojn kaj komencis rigardi la laktolon tra mallarĝa fendeto inter la palpebroj.

– Ŝajne cejanoj estas desegnitaj, – obtuzvoĉe diris Kolĉjo Droĵdev, – malgraŭ ke trudherbo, tamen ja blua.

Jes, sur la laktolo estis designitaj cejanoj, ĝuste tiuj, kiuj kreskas ĉie en la kampo, sed iom pli grandaj, kaj, ŝajnas, eĉ pli bluaj ol la realaj. Kaj la fono sub ilin submetita estis neĝblanka.

– Ĉiela, ĉiela, – ekparolis la virinoj, – kia belulino! Necesas aĉeti!

– Nu, Maksimiĉ, – diris Mironiĥa, – detondu kvin metrojn.

La vendisto Petro Maksimiĉ ĝustigis sur la nazo metalkadrajn okulvitrojn, prenis el sub la vendotablo tondilon, surfingrigis ĝin kaj grinctondis la aeron, kvazaŭ li kontrolis, ĉu ĝi bone tondas, ĉu ne tro rigidas.

– Kvin metrojn mi detondi ne povas, – diris li, ĉesinte grinctondi.

– Kial do vi ne povas? – ekmaltrankviliĝis Mironiĥa. – Detondu, mi diras!

– Ne kriu, – severe diris Petro Maksimiĉ, grincante per la tondilo al Mironiĥa, – malmulte da laktolo oni alveturigis. Mi ĝin la tutan tramezuris, kaj rezultis po metro kaj duono por ĉiu domo. Necesas, ke por ĉiuj sufiĉu.

Tuj en la vendejo ekestis bruo, ĉiuj virinoj samtempe ekdisputis, ĉu tio estas justa aŭ maljusta. Pleje flamiĝis Mironiĥa.

– Detondu! – insistadis ŝi ĉe Petro Maksimiĉ. – Kiu la unua vicas, tiu do prenu kiom volas.

– Jen kion ŝi elpensis! – diradis la aliaj. – Detondos ŝi por si kvin metrojn, kaj la aliaj nenion por sterni havos. Necesas, ke por ĉiuj sufiĉu.

– Sed se mi havas longan tablon? – plu kriis Mironiĥa. – Por mi metro kaj duono ne sufiĉos! Ĉu mi devas la tablon dissegi?

– Vi rajtas dissegi, – diris Petro Maksimiĉ, grincante per la tondilo.

Tuj ĉiuj komencis rememori, kiu kian tablon havas, kaj Mironiĥa forkuris hejmen por la tablon mezuri. Post ŝi tiriĝis ankaŭ la aliaj virinoj.

En la vendejo restis nur l' onklo Zuj kaj Kolĉjo Droĵdev.

– Aŭdu, Kolĉjo, ja mia tablo estas et-longa, – parolis l' onklo Zuj. – Njurka sidiĝas ĉe tiu rando, mi ĉe tiu ĉi – jen la tuta tablo. Por mi la laktolo sufiĉos, kaj eĉ pendos troe.

– Kaj mia tablo estas ronda, – morne diris Kolĉjo Droĵdev, – kaj se vi ĝin disŝovos – kiel ovo iĝos.

La unua en la vendejon revenis Mironiĥa.

– Detondu unu metron okdek! – voĉumis ŝi.

– Mi ne povas, – diris Petro Maksimiĉ.

– Do kio ĉi tias! – ekkriis Mironiĥa. – Kie mi prenu ankoraŭ tridek centimetrojn?

– Nu trankviliĝu, – diris l' onklo Zuj, – restos peceto de la tablo nekovrita, kunmetados vi sur tiun lokon fiŝajn ostetojn.

– Vin mi ankoraŭ ne demandis! – ekkriis Mironiĥa. – Vi mem baldaŭ viajn ostojn kunmetos, l' olda ŝtipo!

– Jen ŝi indigniĝas! – diris l' onklo Zuj bonanime. – Bone. Maksimiĉ, altondu por ŝi la mankaĵon el mia peco. Ne kriu ŝi. Kunmetu ŝi fiŝajn ostojn sur la laktolon.




La vendisto Petro Maksimiĉ almetis al la laktolo lignan metron, demezuris kiom bezonatas, kaj kun krako la tondilo ŝiris la laktolon, dishakante la cejanojn.

– Prenu-prenu, Mironiĥa, – parolis l' onklo Zuj, – uzu ĝin. Se vi volas, lavu ĝin ĉu ĉiutage, ĉu post ĉiu manĝo. De tiu laktolo malprofito ne estos. Ĝi ne eluziĝas. Uzu ĝin, Mironiĥa, tasojn sur ĝin metu, supojn, samovarojn metu. Tamen estu vi atentema, Mironiĥa. Ne pereigu la laktolon!

– Vin mi ankoraŭ ne demandis, – diris Mironiĥa, prenis, krom la laktolo, ankaŭ haringojn kaj mielkukojn kaj foriris el la vendejo.

– Via peco, Zuĉjo, malplilongiĝis, – diris Petro Maksimiĉ.

– Nu bone, mia tablo estas malgranda... Kiu sekvas? Aliru.

– Mi, – diris l' aĝulino Ksenja, – mi bezonas metron kaj sepdek centimetrojn.

– Kie mi por vi ja metron sepdek prenos? – demandis Petro Maksimiĉ.

– Kie volas, tie prenu. Sed ĉe mi la infanoj etaj hejme sidas, ploras, laktolon deziras.

– Ploru ili! – ekkriis Petro Maksimiĉ. – De kie mi por vi ĝin prenu?

L' aĝulino Ksenja mansvingis al Petro Maksimiĉ kaj mem ekploris.

– Jen aferoj, – diris l' onklo Zuj, – pri laktolo tiu! Nu bone, Maksimiĉ, altondu ankaŭ por ŝi la mankaĵon, por mi eble sufiĉos. Ja la laktolo, diable, treege bonas, por la virino estos domaĝe, se ĝi ne sufiĉos. Ĉu nun vi kontentas, aĝulino Ksenja,

aŭ ne kontentas? Kaj la laktolo jen kias – eĉ fajreroj el la okuloj. Kiom fortas forto de l' koloro. Sternu ĝin sur la tablon, kaj sur la tablo – floretoj, kiel herbejo…Kiu tie sekvas? Ĉu Manjka Kletkina? Kaj kian vi, Manjka, havas tablon?

– Mi ne scias, – mallaŭte diris Manjka.

– Ĉu vi ne mezuris ĝin?

– Mi mezuris, – diris Manjka eĉ pli mallaŭte.

– Nu, kaj kiom rezultis?

– Mi ne scias. Mi per la ŝnureto mezuris.

Manjka elmetis el la poŝo la ŝnureton, node ligitan ĉe la fino.

– Jen, – diris ŝi, – mia tablo estas tia, kiel tiu ŝnureto.

– Kiom ajn la ŝnureto longu – severe diris Petro Maksimiĉ, – egale fino estos.

Li almetis la lignan metron, mezuris la ŝnureton de Manjka kaj diris:

– Denove mankaĵo. Unu metro sepdek kvin.

– Eĥ, – mansvingis l' onklo Zuj, – altondu la mankaĵon de mia peco, tondu laŭ la tuta ŝnureto. Kaj vi, Manjka, varmegajn kaserolojn sur la laktolon ne metu, metu ilin sur submetaĵon. Ĉu vi komprenis? Faru submetaĵon el tabuleto.

– Mi komprenis, – mallaŭte diris Manjka, – dankon, paĉjeto.

– Aŭ eĉ pli bone, Manjka. Vi al mi enkuru preterpase, mi por vi pretan tabuleton donu... Kiu ja tie sekvas?

La afero en la vendejo ekpasis glite-glate. Petro Maksimiĉ nur grincis per la tondilo, kaj post dek minutoj de la laktolo de l' onklo Zuj preskaŭ nenio restis. Sed tiujn dek minutojn l' onklo Zuj vane ne perdis. Li laŭdadis la laktolon, fermetis la okulojn pro la forto de koloro, li dubis: ĉu ĝi ne eksterlanda estas?

– Nu, Zuĉjo, – diris fine Petro Maksimiĉ, – por vi restis dudek centimetroj.

– Iom tro malmulte.

– Tiel rezultas. Dudek centimetrojn al vi, metron kaj duonon – al Kolĉjo Droĵdev.

– Eble estas iuj rezervaĵoj? – aludis l' onklo Zuj. – Por pasiaj aĉetantoj?

– Rezervaĵoj ne ekzistas, – firme diris Petro Maksimiĉ.

– Jen ja, ne ekzistas rezervaĵoj. Nu bone, tondu vi do dudek centimetrojn.

– Por kio vi bezonas tiujn dudek centimetrojn? – obtuze diris Kolĉjo Droĵdev, la meĥanizisto. – Fordonu ilin al mi.

– Mi ne povas, Kolja. Ja mi bezonas almenaŭ iomete. Aŭ Njurka kverelos.

– Tro malmulte, – diris Kolĉjo Droĵdev. – Dudek centimetroj, por kio uzeblas?

– Mi el tio strieton surtable faros, sternos ĝin por beleco.

– Tia sternaĵo troe mallarĝas. Kaj por Njurka ni bombonojn prenos, kial ŝi kverelu?

– Tio veras, – konsentis l' onklo Zuj. – Kiam estas bombonoj – kial kvereli? Nu prenu.

– Se rusuloj iuj estus desegnitaj, – rezonis Kolĉjo Droĵdev, – mi neniuokaze prenus. Sed tio ja estas cejanoj.

– Vere, Kolja, – jesadis l' onklo Zuj. – Ĉu tio estas rusuloj? Tio estas ja cejanoj bluaj.

– Sed kun rusuloj mi ne bezonas. Nu, kun mielagarikoj mi eble prenus.

– Vi, Kolĉjo, zorgu pri la laktolo, – instrukciis l' onklo Zuj. – Ne malpurigu ĝin, kaj cigaredojn brulantajn ne metu, malbonokaze vi ĝin trabruligos. Vi cigaredojn en telereton metu, se metos vi sur laktolon cigaredojn – nenia belo, nur truoj trabruligitaj. Prefere vi, Kolĉjo, entute fumi ĉesu.

– Ĉesus mi, – respondis Kolka, rulumante la laktolon, – sed volforto mankas.

Al la vespero en ĉiu domo de Ĉistij Dor estis sternita sur la tablo nova tabla laktolo. Ĝi plenigis la ĉambrojn per tia lumo kaj pureco, ke la vitroj de la domoj ŝajnis pure lavitaj. Kaj en ĉiuj domoj ĉeestis la specifa laktola odoro – de farbo kaj seka gluo.

Certe, post unu – du monatoj la laktolo ĉifiĝos. Kolĉjo Droĵdev trabruligos ĝin finfine per brulanta cigaredo, malaperos specifa laktola odoro, sed ensorbos ĝi l' odoron de varma brasiksupo, kuketoj kun kazeo kaj de kuiritaj ĝis disfalo terpomoj.

***tradukis Julija Samsonova, Irina Gonĉarova (EK MASI)***

---

## DIPLOMO DE UEA AL 12 ELSTARAJ AGANTOJ

En la Solena Fermo de la 97-a UK en Hanojo oni anoncis la nomojn de 12 Esperanto-aktivuloj, kiujn la Estraro de UEA honorigis per Diplomo pri Elstara Agado aŭ per Diplomo pri Elstara Arta Agado.

**Diplomo pri Elstara Agado**: ***Huang Yinbao (Trezoro)*** el Ĉinio pro agado en la instruista Esperanto-movado; ***Dennis Keefe*** el Ĉinio pro la iniciato de lingvaj festivaloj kaj evoluigo de metodoj de Esperanto-instruado kaj de universitata uzado de Esperanto; ***Potturu V. Ranganayakulu*** el Hinda Unio pro agado sur loka kaj monda niveloj kaj pro verkado de Esperanto-lerniloj; ***Boĵidar Leonov*** el Bulgario pro Esperanto-agado en sia lando kaj aparte en universitataj medioj; ***Barbara Despiney*** kaj ***Renée Triolle*** el Francio pro longtempa reprezentado de UEA ĉe Unesko; ***Halina Gorecka*** el Rusio pro prizorgado de la eldonejo *Sezonoj* kaj la revuo *La Ondo de Esperanto* kaj **Rafael Henrique Zerbetto** el Brazilo pro agado ĉe *Rio+20*, la konferenco de UN pri daŭripova evoluigo en Rio-de-Ĵanejro en junio ĉi-jare.



**Diplomo pri Elstara Arta Agado**: ***Mikaelo Bronŝtejn*** el Rusio pro longtempa kontribuo al la Esperantaj literaturo kaj muzika kulturo; ***Julián Hernández Angulo*** el Kubo pro longtempa kontribuo al la Esperanta muzika kulturo; ***Ulrich Becker*** el Usono pro la gvidado de la eldonejo *Mondial* kaj la eldonado de la revuo *Beletra Almanako*.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# Someraj iniciatoj en Jekaterinburg okaze de la 125-jariĝo de Esperanto



Somere, proksime al la jubilea dato, ni sukcesis realigi en Jekaterinburg kelkajn iniciatojn, kiuj celis altiri al Esperanto atenton de vasta publiko, informi pri nia lingvo.

La 27-an de julio nia kelkpersona E-grupo vizitis la urban klubejon "Komunikator", kie okazis aranĝo de moderna formato kun la nomo "Peĉa Kuĉa Nokto" (Pecha Kucha Night). Tio estas renkontiĝo de kreemaj, interesaj kaj aktivaj homoj por la viva interkomunikado kaj loko por interŝanĝo de ideoj, scioj, spertoj kaj impresoj. Tiu ĉi nova kaj senĝena formo de prezentado de kreaj ideoj, projektoj kaj ĝenerale de io interesa aperis en 2003 en Tokio kaj nun okazas en pli ol 500 urboj de la mondo, inter kiuj estas Londono, Parizo, Amsterdamo, Nov-Jorko, Tokio, Sidnejo, Ŝanhajo, Bonaero k.a.

"Peĉa Kuĉa" antaŭnelonge atingis ankaŭ nian urbon, en Jekaterinburg ĝi okazis la kvaran fojon. La aranĝo havas simplan regulon: 20×20, kio signifas, ke la prezentanto rajtas uzi 20 bildojn aŭ fotojn kaj ĉiun komenti nur dum 20 sekundoj, post kio la foto aŭtomate ŝanĝiĝas. Do, rezulte la elpaŝanto havas por la prezentado nur 6 minutojn kaj 40 sekundojn, tial lia (ŝia) parolo devas esti detale pripensita kaj mallongaj prezentadoj pasas en tre rapida ritmo, kun unu te-kafa paŭzo inter ili. La kvaran "Peĉa Kuĉa" partoprenis kelkdek gejunuloj; la prezentintoj senĝene, ofte gaje, uzante humurplenajn bildojn rakontis pri tio, pri kio ili mem estas allogitaj, altirante atenton de la publiko al la temo kaj "infektante" ankaŭ la aŭskultantojn per sia entuziasmo.

Nia esperantisto Aleksandr Osincev anticipe registriĝis por partopreni la aranĝon kaj havis feliĉan sepan numeron; li nomis sian rakonton "Vojago en la landon, kiu forestas sur la mapo. Esperanto-125". Tio estis tre inde farita, alloga prezentado kun bone elektitaj kaj tre konvenaj bildoj. Ne estas mirinde, ke ĝi elvokis grandan intereson de la publiko kaj tial estis multe da demandoj kaj eĉ kelkaj homoj venis al Aleksandr por interparoli jam post la fino de ĉio. Ni ĝojas, ke rezultiĝis reciproke utila afero: ni volonte malfermis por ni kaj partoprenis novan interesan aranĝon kaj dank' al Aleksandr scipovis ekinteresi la gejunulojn pri Esperanto.



La 28-an de julio, sabate, ni planis okazigi Ago-tagon en la centro de la urbo, sed malhelpis malbona vetero, kaj ni transmetis la Ago-tagon al alia dato. Post tri

pluvaj tagoj, feliĉe la 1-an de aŭgusto denove estis bonega, suna vetero kaj nia esperantista grupo kolektiĝis ĉe la Domo de Paco kaj Amikeco. Multaj el ni estis vestitaj en T-ĉemizoj kun verdaj steloj, surskriboj "Esperanto", "Lingva revolucio" k.s. Kunpreninte anticipe presitajn sufiĉe grandajn, por vidi de malproksime, naŭ literojn, ni vigle ekpaŝis en la urbocentron.

La ideo estis simpla: ni decidis fotiĝi kun la vorto ESPERANTO ĉe la vidindaĵoj kaj simple belaj lokoj en la centro de la urbo, kie kutime ŝatas ripozi aŭ amase trapasas jekaterinburganoj. Tiel ni intencis sen altruda reklamo altiri atenton de la loĝantaro al Esperanto nur per la fotado mem, respondante, kompreneble, eventuale aperontajn demandojn de la plej scivolemaj homoj.

Ĉio sukcese pasis laŭ la plano. Ni gaje fotiĝis, homoj ne povis ne rimarki nin kaj reagis absolute pozitive. Kelkfoje nian grupon fotis per siaj fotiloj la promenantoj, kelkfoje aliĝis infanoj kaj ekstaris malantaŭ niaj dorsoj por fotiĝi kune kun ni. Kelkfoje ni eĉ povis mencii antaŭ la amaso, ke la internacia lingvo Esperanto antaŭ ses tagoj havis la 125-jaran jubileon.

En la sama tago kaj tempo jekaterinburga komencantino Julija Moĉalova refoje okazigis centre de la urbo surstratan prezentadon pri aerografio. Ŝi, uzante diverskolorajn farboŝprucigilojn, antaŭ la okuloj de ĉeestanta publiko lerte pentris bildojn kun fantastecaj kosmaj kaj ekzotikaj naturaj pejzaĝoj. Sed ĉi-foje ŝiaj bildoj temis ankaŭ pri la 125-jara Esperanto, tial sur ili aperis konataj E-simboloj kaj E-emblemo.

Nia esperantista grupo finis tiutage nian promenadon tra la urbocentro, ĝuste atinginte la skvaron, kie pentris Julija. Ni fotiĝis ankaŭ apud ŝi, rakontis al la ĉirkaŭantaj neesperantistoj iom pri Esperanto kaj ĝia jubileo, kaj poste la tuta nia grupo revenis, por festeni, al la Domo de Paco kaj Amikeco.

***Raja Kudrjavceva (Jekaterinburg)***













